IXa jaro. No 138 (2) ☆ Duonmonata ☆ 5 Februaro 1913

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

ABONO

| | | |
|---|---|---|
| **Jara abono** | **2. — Sm.** | (5 fr. —) |
| **Luksa eldono** | **2. 50 Sm.** | (6 fr. 25) |

*La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato*
*Oni akceptas nur tutjarajn abonojn.*

REKLAMO

| | | |
|---|---|---|
| **Reklamo** (1 linio aŭ ĝia spaco) | **20 Sd.** | (50 ct.) |
| **Anonceto** (1 linio: 10 vortoj) | **16 Sd.** | (40 ct.) |
| **Korespondado** (1 enskribo) | **20 Sd.** | (50 ct.) |

*Rabato da 10 % por 4 enpresoj; 25 % por 12 enpresoj; 50 % por 24 enpresoj*

Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo & Administrejo: 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

TEKSTO



NUNTEMPAĴOJ

# La mezaj klasoj

Ni mallonge ekzamenis[1] kiamaniere la reĝimo de la senlima konkurenco havis kiel rezultaton industrian koncentriĝon ĉu jam sub formo de trustoj, karteloj aŭ vendokontoroj, almenaŭ en la landoj plej progresintaj je la industria vidpunkto, ĉu sub formo de grandaj entreprenoj. Kiel sin defendis la tiel nomata meza komercisto aŭ meza produktisto kontraŭ tiu kreskanta koncentriĝo?

Tiun demandon studis unu el la plej lertaj defendantoj de la mezaj klasoj, S-ro H. Lambrechts.[2] Li unue ekzamenas, kiaj estas la preferoj de la granda komerco kompare kun la meza komerco. La ekspluatmanieron de la granda komerco karakterizas la jenaj punktoj:

1. — *Labori kun grandaj kvantoj:* Laŭ la nunaj kutimoj, ekzistas por sama komercaĵo kaj en la sama momento diversaj prezoj laŭ la aĉetataj kvantoj. La pograndaj aĉetoj do profitas malplialtiĝon de kosto, ofte ankaŭ rabaton por la transporto.

La malgranda komerco povus ĝui tiun profiton nur per komuna aĉetado, sed tio jam estas formo de kooperativismo.

2. — *Valorigo de l'havaĵo:* Je ĉiu momento la granda komercisto povas transformi sian havaĵon, siajn komercaĵojn, en monon kaj valorpaperojn uzeblajn por lia kredito. La komerca praktiko kaj la leĝoj jam de longe forigis ĉiujn malhelpojn en tiu rilato.

La mutualaj kaj popolaj bankoj proponas la samajn profitojn al la malgranda komercisto, sed tio estas ankoraŭ kooperativismo.

3. — *La akurateco de l'pagoj:* Tiu akurateco permesas ke la kapitalo estu malpli longe senmovigata en la sama afero; ju pli rapide cirkulas la sama kapitalo, des pli rapide kreskas la profito. La malgranda komercisto vivas precipe per la kredita vendo, kiu malfaciligas la akuratecon de l'pagoj.

4. — *La korespondeco inter la produktado kaj la konsumado:* La manko de ĝusta proporcio inter la produktado kaj la konsumado kaŭzas ofte plenajn malsukcesojn en iu entrepreno. En la granda komerco, la importanto kutime studas kun zorgo la konsumadon: li kolektas la statistikojn, faras grafikojn pri la varieco de la prezoj, de la konsumado kaj de la produktado de l'artikoloj, pri kiuj li interesiĝas. Tiuj studoj helpas lin en la praktiko. Li aĉetos nur la kvantojn necesajn por normala konsumado, laŭ la montroj de sia sperto kaj de siaj studoj.

La statistiko permesas ofte kontroli la kostoprezon, konstati la malkreskon en la ciferoj de la aferoj, koni la kaŭzon de tiu malkresko kaj ĝin forigi antaŭ ol la entrepreno suferis de tio.

La malgranda komercisto povus ankaŭ uzi la statistikajn informojn, sed plej ofte mankas al li tempo kaj kompetenteco.

5. — *La diverseco de la komercaĵoj:* La granda komerco ampleksas pli kaj pli diversajn komercaĵojn. Oni vidu la grandajn magazenojn en Londono, Parizo, Berlino, kie preskaŭ ĉio estas aĉetebla. Je la socia vidpunkto, tio ne estas tre utila. Pro la facileco de la komunikiloj la tempoŝparo estas ne grava. Plie, la diverseco de la vendaĵoj ofte instigas al la aĉetado de bagateloj. Sed, je la komerca vidpunkto, tio permesas eviti la perdojn rezultantajn el la vendado de iuj artikoloj nur dum certa sezono. Gajno pri iu komercaĵo kompensas malgajnon pri alia.

[1] Vidu *Esperanto* de 20. januaro: *La industria koncentriĝo.*
[2] Vidu la raportaron de la kongreso de la mezaj klasoj (München 1911).

6. — *La varbado de la aĉetantoj:* Plej ofte ĝi estas nemorala kaj socie malutila. Ĝi estas plenumata per la reklamego, la ekspozicioj aŭ sezonaj vendoj, la perdiga vendo de reklamartikoloj, la alloga lukso de la vendhaloj kun bufedo, legoĉambro k. t. p. (en la magazenegoj). La malgrandaj komercistoj ne povas konkurenci samamaniere, sed ili penas altiri la aĉetantojn per premioj kaj kreditvendoj, kiuj estas tiel nemoralaj.

7. — *Heterogena klientaro:* La diverseco de la klientaro ebligas la forvendon de ĉiukvalitaj komercaĵoj. La eniro al la grandaj magazenoj estas libera; ĉiuj klasoj ilin vizitas. Tiu kunmikso de klientaroj pligrandigas la proporcion de la profitoj aŭ ebligas malaltigon de la vendoprezo, laŭ la okazoj. Tiu heterogeneco plej ofte ne ekzistas en la malgrandaj komercejoj. Laŭ la strato aŭ la kvartalo ili havas limigitan klientaron multe pli homogenan. Ĝiaj bezonoj estas similaj kaj tuj kiam ili estas respondataj, la troaĵo de la komercaĵoj fariĝas nevendebla. Se oni malaltigas la tarifon, oni malplivalorigas la artikolon kaj malkontentigas tiujn, kiuj ĝin aĉetis je la ordinara prezo. Se tamen magazeno kutime havanta riĉan klientaron malaltigas la prezojn por vendi siajn troajn komercaĵojn al pli modesta klientaro, ĝi per tio riskas perdi la viziton de la riĉa klientaro.

Por eviti tiujn mankojn, necese estus, ke la malgrandaj komercistoj asociiĝu por la cirkulado de la komercaĵoj, t. e. kooperative koncentriĝu.

8. — *La malplimultigo de la tipoj:* La magazenegoj penas havi kiel eble plej diversajn komercaĵojn kaj klientarojn, sed aliparte ili penas, ke pri sama komercaĵo ekzistu laŭeble unuforma tipo. La potenco mem de la magazenego permesas trudi tiun unuformecon al la konsumantoj, delogitajn de la malkareco, de la reklamo aŭ de la kolektiva sugesto.

La komercaj konsekvencoj de tiu tendenco estas jenaj: 1e la unuecigo de la konsumado, kiu ebligas unuecigon de la produktado kaj malplialtiĝon de la kostoprezo; 2e la pogranda aĉetado je malpli altaj prezoj; 3e la plimalmultigo de la nevendeblaj komercaĵoj, do pli rapida cirkulado de la kapitalo.

La sociaj konsekvencoj estas certe ne bonaj: unuformigo de l'ekzistado, malapero de la bongusto, malfortiĝo de la individueco, forigo de la artaj industrioj, kiuj rezultas el la kombino de la personeco kun la diverseco. Kontraŭ tiuj bedaŭrindaj tendencoj povos efike batali nur la konsumantoj mem, edukotaj en la Ligoj de aĉetantoj, sed nur en la lasta tempo la konsumantoj ekkonsciis pri siaj rajtoj kaj sia forto. Oni pli atentos la arton, kiam oni malpli atentos la monon. La problemo estas socia kaj morala, ne komerca. Cetere la maloriginalaj fuŝkomercaĵoj vendiĝas en la malgrandaj same kiel en la grandaj magazenoj.

* * *

Tiaj estas en resuma formo la ĉefaj karakterizoj de la granda komerco. La malgranda aŭ meza komerco povas ilin akiri, en pli-malpli alta grado, nur per asociiĝo kaj organizo. Ni ekzamenos en venonta artikolo, kiamaniere ĝi sin defendis en la diversaj landoj, speciale tie, kie pli forta fariĝis la industria koncentriĝo. *A. R.*

---



# SOCIA VIVO



## Mortanta industrio.

La francaj oleaj sardinoj, tiu ĉi tiel bongusta kaj amata produkto de la bretona marbordo por la tablo de l'gustumanto, estas malaperantaj. Laŭ la plej novaj informoj la franca sardinindustrio estas pereonta kaj la grandaj fabrikejoj de Bretonujo definitive ĉesigis sian funkciadon. Jam de longe oni kun timo konstatis la gradan malaperon de la sardino de la francaj marbordoj, kie ĝi pli frue abunde troviĝis. Mizero kaj malriĉeco minacas jam de multaj jaroj la sardinkaptistojn kaj la multajn milojn da laboristoj, kiujn pli frue tiu prospera industrio tiel bone nutris. La sardinkaptado havas sian specialan proprecon, ĉar oni kaptas tiujn ĉi bestojn ne dum la frajotempo, sed suprenigas ilin grandkvante de sur la fundo. Estas necese multe da lerteco, eĉ speco de strategia rigardo por bari la vojon al la armeo de la fiŝoj, ne forpelante ĝin. La fiŝkaptistoj de Bretonujo uzas por tiu ĉi celo grandajn retojn el tre delikata kanabo kun diversgrandaj maŝoj, por povi kapti fiŝojn de plej diversa grando. Tiuj ĉi fundretoj estas sube ŝarĝitaj per nuksograndaj plumberoj, tiel ke ili vertikale povas esti mallevataj profunden. Antaŭtagmeze la fiŝkaptistoj elveturas sur siaj senferdekaj, dumastaj boatoj, ĉiu ordinare okupita de kvar viroj, la posedanto, la maristo, la submaristo kaj la maristeto. Kun granda peno la milita vojo de la sardinoj estas spionata; tiam la veloj estas refataj, kaj reto de maŝogrando, kiu estas konforma al la supozata grando de l'fiŝo, estas vertikale mallevata en la akvon. Ĉar la fiŝoj plejparte restas en sufiĉa akvoprofundaĵo, oni suprenlogas ilin al la supraĵo per moruo-frajo. La fiŝo sin ĵetegas tiam sur la logaĵon, kunpuŝiĝas kun la reto kaj implikiĝas en ĝi kun siaj brankoj. Ĉar la frajo estas tre kara, oni uzas ankaŭ diversajn surogatojn, kiuj cetere ne havas la saman efikon. De longega tempo tiu ĉi maniero de la sardinkaptado sur la francaj marbordoj estas kutima. La fabrikantoj opinias, ke ĝi estas malnoviĝinta kaj ne sufiĉe profitodona; sed la fiŝkaptistoj estas malfacile delogeblaj de sia tradicio. Ĉiuokaze multe pli danĝeraj fariĝis por la sardino la pli modernaj formoj de l'kaptado ofte uzataj sur la bretona bordo, la grandaj trenretoj, ekstreme perfektaj kaptiloj, sed al kiuj oni riproĉas, ke per ili tro grandaj amasoj da sardinoj estas ekstermataj. La kaŭzojn de l'malapero de la sardino oni lastatempe esploris kun fervoro. La malbonuzado de sakretoj kaj barretoj, kiuj ekstermas la junan idaron de la sardino, la detruado de la frajorifoj per manĝegemaj bestoj, la granda interkomunikiĝado per vaporŝipoj, la kaptado de l'sardinoj ankaŭ en vintro, la malutila influo de la malvarmaj ventoj kaj de la severaj vintroj — ĉion ĉi kaj ankoraŭ alion oni faras responda pri la mortado de tiu ĉi industrio. Certe estas, laŭ la esploroj de A. Odin, ke la malvarmo tre malutilas al la sardinoj. Dum oni pli frue supozis, ke la sardino komence de l'vintro formigras de la franca bordo kaj tiam revenas, pli novaj esploroj montris, ke la sardinoj preskaŭ dum la tuta jaro restadas apud la bordoj, sed nur en certaj sezonoj, en printempo, dum somero kaj parto de aŭtuno venas al la supraĵo. Dum la malvarmo la fiŝo serĉas la marprofundaĵon, ĉar ĝi povas ekzisti nur en pli varma akvo kaj la subaj marfluoj estas malpli malvarmaj. En pli varmaj maroj la sardino restadas en malgranda profundeco kaj ŝajnas tie ne esti elmetata al tiel grandaj danĝeroj. Depost pli ol duona jarcento ĉiuokaze la franca sardinindustrio malprogresas. Gravaj krizoj minacis la industrion lastatempe, kaj nun la lasta plej maldolĉa fino, la pereo, ŝajnas esti veninta.

El *Düsseldorfer Gen.-Anz.* Trad. *N. Barthelmess* (Düsseldorf).

## La kosto de Eŭropa milito

Se okazus Eŭropa milito, t. e. se la du sistemoj de kunligo, kiuj dividas Eŭropon, decidus ekmiliti unu kontraŭ la alia, dudek milionoj da soldatoj estus armataj kaj el ili dek milionoj kondukataj sur la batalkampon. Tion pruvas la jena tabelo:

**Mobilizo dum milita tempo** (laŭ oficialaj fontoj).

| | | |
|---|---|---|
| Aŭstrio Hungario | 2.600.000 | homoj |
| Britujo | 1.500.000 | „ |
| Francujo | 3.400.000 | „ |
| Germanujo | 3.600.000 | „ |
| Italujo | 2.800.000 | „ |
| Rumanujo | 300.000 | „ |
| Rusujo | 7.000.000 | „ |
| Sumo | 21.200.000 | homoj |

Se la milito okazus, Eŭropo elspezus por transportoj, ekipoj, armadoj, pulvoj, nutrado, k. t. p. „tri ĝis kvar cent milionoj da frankoj ĉiutage“:

**Potaga elspezo por ĉiuj landoj**

| | | |
|---|---|---|
| 1<sup>e</sup> | Nutrado de la homoj (supozante, ke la prezo de la nutraĵoj ne tuj plialtiĝos) | 63.000.000 fr. |
| 2<sup>e</sup> | Nutrado de la ĉevaloj | 5.000.000 „ |
| 3<sup>e</sup> | Pagado al la trupoj | 21.000.000 „ |
| 4<sup>e</sup> | Pagado de la arsenal-, havenlaboristoj | 5.000.000 „ |
| 5<sup>e</sup> | Mobilizo (meznombre 100 km en 10 tagoj) | 10.500.000 „ |
| 6<sup>e</sup> | Mobilizo kaj transporto de nutraĵoj kaj municioj | 21.000.000 „ |
| 7<sup>e</sup> | Municioj: | |
| | Infanterio (10 kartoĉoj po homo kaj tago) | 21.000.000 „ |
| | Artilerio (10 pafoj po peco kaj tago) | 6.000.000 „ |
| | Maristaro (2 pafoj po peco kaj tago) | 2.000.000 „ |
| 8<sup>e</sup> | Ekipado | 21.000.000 „ |
| 9<sup>e</sup> | Ambulancoj (500.000 vunditoj aŭ malsanuloj, 5 fr. po tago) | 2.500.000 „ |
| 10<sup>e</sup> | Elspezoj por kirasŝipoj (10 horoj de irado po tago) | 2.500.000 „ |
| 11<sup>e</sup> | Malplivaluto de la impostoj (25 %) | 50.000.000 „ |
| 12<sup>e</sup> | Helpo al la malriĉuloj (1 fr. po tago al 10 % de la loĝantaro) | 34.000.000 „ |
| 13<sup>e</sup> | Rekvizicioj, monkompensoj, detruado (de urboj, vitaĝoj, k. t. p. | 10.000.000 „ |
| | Sumo | 274.500.000 fr. |

Tiuj ciferoj devus esti plialtigataj ĉar tuj post la militdeklaro ĉio grandege plikariĝus.

La negocoj estos konkludataj nur je altegaj prezoj kaj la pruntoj je ruinigaj kondiĉoj. Krom tio oni devas enkalkuli la detruadon de la milit-materialo. Se oni supozas, ke triono de la materialo (ter- kaj mararmeo) estos detruata kaj se oni dispartigas la koston de tiu detruado je periodo de tridek tagoj, la valoro de la detruita materialo atingos plurajn dekmilionojn po tago. Ekzemple, la 70 britaj kirasŝipoj reprezentas prokŝimume 3 miliardojn. Se triono de tiu ŝiparo malaperas aŭ grave difektiĝas, tio reprezentas perdon da 33 milionoj po tago.

Oni do neniel trograndigas, asertante ke Eŭropa milito kostos tri ĝis kvar cent milionoj po tago.

Post dek-kvin tagoj la nombro de la mortintoj atingus 100.000 kaj de la vunditoj 500.000. Ĉiuj uzinoj estus fermataj, ĉiuj kamparoj dezertigitaj, ĉiuj negocoj paralizitaj; ni preterpasas la bankroton de la bankoj kaj de la ŝtatoj, la malsatojn kaj la epidemiojn. En la urboj kaj en la kamparoj restus nur la maljunuloj, la virinoj kaj la infanoj, kaj oni devus nutri tiun grandegan malriĉigitan loĝantaron.

Duonjarcento estus necesa por ripari la ruinojn kaj trankviligi la malamojn. Kaj dudek milionoj da Eŭropaj familioj funebrus kaj estus premataj de la mizero.

*Ch. Richet*
Profesoro ĉe la Pariza Universitato
Trad. A. R.

## La lernantoj en Francujo.

La franca lernanto (studanto) eniras en la mezlernejon pli junaĝa ol en aliaj landoj; ne decidas la aĝo, sed animmatureco kaj intelekta kapableco. La unuaj impresoj de la juna studenteto certe ne estas gajaj. Elŝirita el la familia rondo, li estas loĝata en internulejo, kiu troviĝas preskaŭ apud ĉiu liceo; ĝi estas simple kazerno por 1000—2000 studantoj. En internulejo vivas nia junulo sub la inspekto de „piono“ ĉiam de mateno ĝis la vespero, kaj eĉ en la dormejo. La komuna loĝado de junularo diversinklina, diverstemperamenta estas ne bona simptomo de franca mezlernejo. Krom tiu ombro la internulejo havas ankoraŭ alian mankon: ĝi estas relative multekosta. 1500—2000 frankoj de jarpago signifas, ke la meza lernejo malfermas pordon precipe al riĉa granda burĝaro. Stipendioj kaj rabatoj ebligas studadon al proletariaro.

Siajn gepatrojn la junulo vidas malofte; lian animstaton bele ilustras la kortuŝantaj konfesoj de Lamartine „*Confidences*“, „*André Cornelis*“ de Bourget kaj „*Première solitude*“ de Prudhomme.

Kontraŭ tiuj ombroj la franca mezlernejo havas multajn preferojn. La unua estas la lernplano de la jaro 1902, bazita je principo tre praktika. Laŭ ĉi tiu lernsistemo la studanto povas labori tute libervole, ne estante troŝarĝita per multo da semajnaj instruhoroj. La maksimuma nombro da horoj estas 24. Post relative kvarhora lernado taga ili dediĉas sin al ludoj, legado, poste iras dormi je la 10a vespere.

Jam en la meza lernejo la studanto povas pli intense sin dediĉi al klasika studado aŭ al modernaj lingvoj. Al literarura analizo, al sana prijuĝo, al ĝusta analizo la lernanto estas gvidata dum horoj de gepatra lingvo tiel, kiel en „praktikaj sciencaj ekzercoj“ (po 2 horoj semajne dum tri jaroj) al scienca seminario ĉe universitato. La studantoj alvenas en la universitatoj bone preparitaj.

La celo de la mezlerneja edukado en Francujo estas eduki la regnanon. La rajtoj de la estonta respublikano estas kulturataj en junularo jam de la plej malaltaj klasoj. Brutalaj korpopunoj, karceroj, transskribado kiel puno k. s., tio ĉio estas forigita. Oni punas nur brutalajn kulpojn, kiuj „minacus ordon“.

La lernanto ne estas devigata vizitadi preĝejon, preĝi, konfesi k. s., kiel ekzemple en multaj aliaj landoj. Nur la lernantoj, kies gepatroj tion nepre deziras, ĉeestas diservojn. Anstataŭ religio oni instruas moralon kaj la tiel nomatan regnanan instruadon t. e. klarigoj pri amo al patrolando kaj al gepatroj, proksimuloj, respekto antaŭ estroj, edifo al laborado, al vivo honesta kaj morala, kiu nobligas la homon.

La interrilatoj de la lernanto kun sia profesoro estas ĝenerale klaraj, sinceraj. La respublika egaleco difinas ĉi tiun interrilaton eĉ en la parolo, kaj tiu simpla „monsieur“ estas titolo por lernanto de sesa, aŭ de unua klaso tiel, kiel por ilia profesoro. Oni postulas nur bonkonduton ĝentilan, plentaktan.

*W.*

## Siberiaj vilaĝoj

IV

Sed antaŭ nelonge okazis en tiu vivo ia rompetiĝo, serioza ŝanĝo. Fervojo estis konstruita kaj ĝi kiel turnovento enŝovis sin en la vilaĝan vivon, postulante de ĝi

laboristajn manojn, transporton de greno kaj bruto, eljetante en la vilaĝon la densajn amasojn da novaj alvenintaj homoj serĉantaj teron kaj laboron. Per la fervojo komencis alveturi diversaj viglaj aferistoj, spertaj pri ĉiuj komercaĵoj. La muĵiko, vole-nevole implikita en tiu „fluejo", ekturniĝis, nenion komprenante. Aperis nova arbarkulturo, novaj pli altaj impostoj, plikariĝis la vivo. La grenejoj de la muĵiko komencis malpleniĝi; al la fervojo estis transportita la greno, en kiu oni almiksis... teron, ŝtonon kaj aliajn malpuraĵojn; en mielon oni enmetis farunon. La trompoj fariĝis pli oftaj. Aperis la ŝteloj. La junularo ĉesis obei kaj ekdiboĉis. Pro neesto de drinkejo kaj neebleco tie kolektiĝi, oni ekdrinkis la brandon rekte sur la stratoj, kaj preskaŭ ĉiu domo en la vilaĝo fariĝis drinkejo. Virinoj kaj infanoj siavice ekdrinkis. La valoro de la mono, pli facile gajnita plimalaltiĝis, kaj ĉar la muĵiko ne scias uzi la superfluan monon li portis ĝin en la registaran brandvendejon. Jen kial ĉiu registara brandvendejo estas loka montrilo kaj mezurilo de mona alfluo. Bona rikolto da greno, da cedronuksoj aŭ mielo, plimultigo de transportado, ktp. tuj per ciferoj montriĝis en la drinkaĵvendado; ankaŭ tiel same la kontraŭa aperaĵo. La registara brandvendejo estas kvazaŭ speciala doganejo, gardisto de la muĵika poŝo. La tempo de mia vojaĝo ĵus koincidis kun la periodo de geedziĝaj solenoj. Mi observis, ke tiuj edziĝofestoj allogis kaj altiris la tutan loĝantaron; sur la stratoj de l'vilaĝoj rapidege veturadis unu post la alia la diversaj gastoj, kaj disflugis la ebriaj kantoj. Preskaŭ en ĉiu vilaĝana domo estis festenado, kiu iafoje daŭris dum tuta semajno, ĝis la mono estis tute elspezita. Tiel la maturaĝa vilaĝano gajigas sian animon en malsobra haladzo.

Notinte la malavarajn elspezojn por edziĝfestoj kaj festenoj, ni devas ankaŭ noti la mizerecon de la materia kaj spirita vivo. Eĉ mezriĉaj vilaĝanoj kontentiĝas je la malvasta kaj malvarma dometo kaj simplega meblaro. Ofte ili nenion konas 15—20 kilometrojn for de sia vilaĝo, ne scias la nomon de traveturata vilaĝo, ne scias la nomon de rivereto sur kies bordoj kuŝas tia aŭ alia vilaĝo, ne scias per kio oni tie vivas. Eĉ la ofteco de similaj demandoj de traveturantaj vojaĝantoj ne instigos la muĵikojn por ke ili vere interesiĝu, kiu loĝas en tia aŭ alia vilaĝo, kiel loĝas la vilaĝanoj, ktp. Klare estas, ke la teruraj okazintaĵoj de la politika vivo de Rusujo estas por tiu popolo ne sole ne kompreneblaj, sed eĉ absolute nekonataj. Ili manĝas, trinkas, laboras, dormas, sed pri nenio meditas, kio preterpasas la hodiaŭajn aferojn...

Forlasinte la vilaĝon Tajmenka, ni enveturis en la sferojn de fervoja influo. Vilaĝo Polomoŝnaja kuŝas sur ambaŭ bordoj de rivereto Tajmenko; ĝi estas vivplena vilaĝego rapide kreskanta, dank'al la fervojo. Polomoŝnaja, kiel stacidomo plej proksima al grena regiono, estas kolektloko de eksporta greno. Nuntempe, dank'al abunda rikolto kaj granda grenbezono en Eŭropa Rusujo, ĝi fariĝis loko de grandega grenekspluatado; alveturis agentoj de firmoj, kaj post ili aperis diversaj peruloj. Plej febran partoprenon en tiu spekulado havas la vilaĝanoj mem; ili luigas siajn grenejojn por grensurŝuto, transportas ĝin al la stacidomo, kribras ĝin kaj ŝarĝas en vagonojn. Por grenkribro de grenvagono ili prenas po 13 Sm.; transportante la grenon en la stacidomon kaj ŝarĝante ĝin en la vagonon, laboranto kun tri ĉevaloj gajnas ĉiutage 10 Sm. Dank'al febra aĉeto de greno, la grenprezoj ĉiam saltis kaj plialtiĝis. La fervojo estas tiel troŝarĝita per greno, ke ĝi ne havas la eblecon ĝin eksporti, kaj ĝi ĉiutage pli kaj pli amasiĝas. En tiu ĉi momento kuŝas pli ol 200 vagonoj de aĉetita greno, en najbara stacio ankoraŭ pli multe. Tiamaniere estas troŝarĝataj ĉiuj stacioj de la Siberia fervojo. La rezultato estos, ke la greno difektiĝos antaŭ la eksportado, ĉar pro la nunaj metodoj de grenprilaboro en draŝejoj, la grensekigo estas forlasita, kaj la greno estas aĉetita nesekigita.

Tiu febra konstanta komerco jam metis sur la fizionomio de la tipa Siberia vilaĝo sian specialan stampon. La vilaĝo konstruas grandajn domojn kun burĝa meblaro interne kaj diversaj fiornamaĵoj ekstere kun multaj superfluaj objektoj. Tage kaj nokte la homoj amasiĝas sur la stratoj, aŭdiĝas la sonoj de harmoniko; tra la fenestroj de la domoj, eĉ post meznokto, vidiĝas lumo kaj baraktado, aŭ tumulto de ebriaj gastoj. La vendo de la ŝtata brando duobliĝis.

Pensante pri la genieco de niaj financistoj kiuj starigis en bone elektitaj lokoj la „pumpilojn" por elpumpi de la muĵikaj poŝoj iliajn lastajn kopekojn, mi veturis ĝis la stacidomo kaj envagoniĝis...

Trad.[1] Pastro *Seriŝev* (Del. Krasnij Jar).

---

## La fruktokultura kolonio „Eden".

La legantoj de nia gazeto jam plurfoje aŭdis pri diverslandaj terkulturaj aŭ ĝardenurbaj kolonioj. Tial mi supozis ke ili havos intereson por la plej progresema kaj prospera tia entrepreno germana, nome la „Fruktokultura Kolonio Eden" apud Berlino, kies produktoj: sukoj, marmeladoj, gelatoj kaj konservaĵoj de ĉerizoj, pomoj, prunoj, framboj, fragoj, rubusoj, riboj, mirteloj, grosoj, tomatoj k. t. p. estas fame konataj tra tuta Germanujo pro sia pureco senkompara (nepre sen konservigaj saloj) kaj bongusto.

Oni ĝuas ĉarman aspekton, se oni el la bruego de Berlino alvenas en la trankvila afabla provinca urbeto Oranienburg, de kie oni post duonhora promeno atingas la kolonion. Estas tipe mezgermana pejzaĝo. Severaj malhelaj arbaroj kaj meze per ili ĉirkaŭita la Lehnitz-see kaj la rivero Havel, sur kiu kviete glitas pezaj ŝarĝo-velŝipoj preter blankaj surbordaj betuloj kaj nigreverdaj pinoj. Kaj jen aperas la kolonio, superŝutita per milionoj da floroj blankaj kaj rozaj de la ĉerizujoj, pirujoj kej pomarboj florantaj, kiuj plenigas la aeron per bonegaj odoroj. Ja, tie profunde ekspirante la plej obstina grandurbano eksentas parteton de la granda beleco de la kamparvivado, kies perdon li ofte devas pagi per sia sano. Jen estas la fruktokultura kolonio Eden.

Tiu kolonio havas kooperativan bazon, t. e. la tero apartenas al la tuta kolonio, kiu ĝin disruntas kiel hereda kulturkampo al la membroj akirantaj akcion de la kolonio po 250 Sm. La kooperativo, kiu nun konsistas el preskaŭ 200 membroj, pruntas krom tio al la anoj monon por konstrui propran hejmon sur ilia farmbieneto, kiu ĝenerale havas surfacon de 800—2800 m². Nun oni kalkulas ĉirkaŭe 90 domojn (plejparte po unu familio) grandajn kaj malgrandajn, konstruitajn kiel blockhaŭsoj aŭ ĉarpentodomoj kun plaĉa koloro kaj ruĝa tegoltegmento. Ĉiuj hejmoj estas ĉirkaŭitaj de ĝardeno, kie la fraŭlo, aŭ la familio semas, kulturas kaj rikoltas la fruktojn, kiuj por la vendado estas transdonitaj plejparte al la estraro; tiu ĉi laŭproporcie disdonas la profiton tiom, kiom ĝi ne restas komuna propraĵo por konstrui lernejon por la kolonianaj infanoj, legoĉambron, pagi la kostojn por vojoj, elektra lumo kaj forto bezonata de la maŝinoj por prilaborado kaj preparo de la fruktoj vendotaj, administrado k. t. p. Sed neniu estas devigata transdoni la vendadon de la fruktoj al la administrado; tamen oni ĝenerale ne hezitas, ĉar tiel oni akiras pli bonajn vendokondiĉojn. Same ĉiu membro per ĝi ricevas ilojn, semojn, sterkojn necesajn.

En la jaro 1910 oni rikoltis ĉirkaŭe 120,000 kilogramojn da arbo- kaj bero-fruktoj, kaj oni povas taksi, ke

[1] El ĵurnalo *Siberiaj demandoj*.

la duono estas konsumita per propra uzo. Ĉiuj loĝantoj sin okupas per la kulturado almenaŭ parte; krom tio oni trovas tie botiston, tajloron, ĉarpentiston, seruriston, teksiston k. t. p.; oni havas komunan konsumo-administradon (kooperativan) bakajfabrikon kaj konstruad-organizon, gastejon kaj refreŝiĝejon. La kolonio dungas por komunaj laboroj anojn laŭ ilia deziro, sed la salajroj ne varias tiagrade kiel en kapitalisma organizo; maksimume ili havas proporcion de 2 al 1. La estraro konsistas el 3 membroj, kiujn elektas ĉiutrijare la plena kunveno de la tuta komunumo laŭ propono de la kontrolkomitato, kiu mem havas 9 anojn sammaniere elektitajn por 3 jaroj.

Se oni deziras fariĝi koloniisto oni pagas 10 Sm. por enirpago kaj devas promesi laŭnaturan vivadon, sed mi ne estas certa, ĉu oni nepre postulas detenadon de alkoholo, nikotino kaj viando. La membro devas akiri akcion del'kolonio po 250 Sm., se eble tuj, almenaŭ pagante posemajne 0.50 Sm. La ideo direktanta de la kolonio estas tiu de vera kooperativismo; tial oni limigis la dividendon de la akcioj je maksimume 4 % kaj de ĉiuj enspezoj oni unue rezervas plej grandan parton ĉu por plibonigoj kaj aranĝoj por la komuna bonfarto kaj agrablo aŭ por rezervokapitalo. Por eviti dispecigon de la fortoj oni malpermesis buĉejojn kaj ĉiuspecajn fabrikejojn aŭ vendejojn de viandaĵoj, fiŝoj, alkoholo aŭ tabakaĵoj kaj por aliaj metioj similaj necesas oficiala permeso, ĉar ĝenerale tion prizorgas la konsuminstituto kooperativa sub komuna kontrolo.

Por havigo de mono por domkonstruado kaj terkulturo k. t. p. oni havas apartan specon de kooperativa banko kiu krome prizorgas la administradon de ŝparmono, hipotekoj k. t. p. nomata „Societo por konstruo kaj kredito". Tiu societo donas kontraŭ hipoteko de $4^1/_2$ % kaj $^1/_2$ % amortizo ĝis 90 % de la konstruadkostoj, tiel oni amortizas dum 66 jaroj la tutan ŝuldon. *E. Wengler* (Essen-Ruhr).

## La kuracado de la pulma tuberkulozo

Resumi per kelkaj linioj tian vastan temon estas tasko malfacile realigebla. Volumoj estas al ĝi dediĉitaj kaj ne elĉerpis la demandon. En la nuna tempo ne ekzistas malsano pli multe studata; la ruinoj, kiujn ĝi kaŭzas, sufiĉe pravigas la diversajn laborojn, kiujn oni dediĉas por ĝi. Sed malfeliĉe ju pli ni progresas en tiuj studoj, des pli foriĝas la espero atingi la eltrovon de specifa kuracilo, kiel jam ekzistas por la sifiliso aŭ la difterito.

Ni tamen provos ĉi-sube montri la nunan staton de la demando.

Pri du esencaj faktoj ni nun estas certaj. Por fariĝi tuberkuloza, necesa estas la kunigo de du faktoroj: la bacilo kaj favora medio. Kiun ni povos pli sukcese kontraŭbatali?

Logike, oni unue atakis la bacilon. Vana espero. Tiu bacilo havas la privilegion esti ĉirkaŭata per materio, kiu izoligas ĝin kaj faras ĝin neatingebla de la substancoj, kiujn ni povas uzi kontraŭ ĝi. El tio sekvas, ke malmulte efikas la diversaj medikamentaj enspiroj, aŭ la diversaj enkondukoj de variaj antisepsigiloj. La produktoj mem, el la kulturoj ricevitaj per la bacilo, diversaj tuberkulinoj, ne efikas sur la bacilo mem. Oni nur povas esperi, ke per ili oni iam sukcesos senpovigi la venenojn, kiujn ĝi produktas — kio estus jam grava rezultato. Tamen, je la profilaksia vidpunkto, la batalo kontraŭ la bacilo pli bone sukcesas. Ĉie estas la bacilo. Ĝi nin ĉiujn vizitis kaj ankoraŭ vizitos. Batalante kontraŭ la polvo, senmikrobigante la ĉambrojn kaj la objektojn kontaktintajn kun tuberkulozuloj, ni ne vane agas. Ni malplimultigas la infektokazojn; ni malfortigas la efikon de tiuj sinsekvaj inokuloj, kiuj preparas la definitivan infektiĝon.

Sed malsaĝa estus tiu, kiu opinius, ke oni tiel iam povos forigi la bacilon. Ni supozu, ke iu Nerono havas la povon iam malaperigi ĉiujn tuberkulozulojn de l'mondo aŭ ilin enfermi, kiel la leprulojn dum la Mezepoko; tamen, la bacilo ankoraŭ ekzistus en la lakto de la bovinoj, en la karno de la bestoj, en la polvo de l'tero.

Ni do devas labori precipe pri la modifo de la medio. Nur tie ni atingos sukceson, nur tie ni jam atingis rezultatojn.

Ni unue devas igi la organismon neakceptema por la bacilo, kiel ŝtona grundo por planto. Se la bacilo jam enestas, ni devas agi tiel ke ĝi tie ne plu povu vivi.

Tio ja ne estas utopio. Oni ofte ripetis, ke ĉe la nekropsio 60 % de la loĝantoj de urbego kiel Parizo prezentas pulmajn cikatrojn, kiuj estas la postesignoj de kuracita tuberkulozo, propramove malaperinta simple ĉar la medio estis nefavora por la bacilo. Ni multe povas esperi, se ni sukcesas imiti en tio la naturon, laŭvole reproduktante tiun procezon per taŭga kuracado. Ni ne devas malkuraĝigi la bakteriologojn, kiuj serĉas seron kapablan imunigi la organismon kontraŭ la disvolviĝo de la bacilo. En tiu rilato oni jam atingis interesajn rezultatojn ĉe la homo kaj ĉe la besto, sed la demando estas ankoraŭ en studado. Ni jam nun povas alimaniere modifi la medion favoran al la bacilo. Ni feliĉe ekkonas la kondiĉojn, kiuj favoras la ĝermiĝon de la bacilo. Kelkajn el tiuj kondiĉoj ni je la naskiĝo alportas, ĉu pro herediteco, ĉu pro malbona korpa strukturo. Aliajn ni kreas per nia vivmaniero, pro nesufiĉa aŭ ne taŭga nutrado, pro alkoholismo, pro trolaboreco, pro manko de fizika ekzercado, pro loĝado en mallumaj aŭ senaeraj ĉambroj. Aliajn kondiĉojn naskas la cirkonstancoj, kiel gravaj moralaj ĉagrenoj, ĉiuspecaj ekscesoj, la malfortiga efiko de diversaj malsanoj.

Tiujn faktojn de longe montris la sperto. Sed ni nuntempe povas pli precize difini la organikajn, eĉ ĥemiajn, kondiĉojn, kiuj karakterizas la malbonan medion. La analizo de la gasoj en la spirado montras, ke ĉe homo tuberkulozema la konsumado de la enspirita oksigeno estas multe pli grava ol ĉe normalulo. Samtempe la urinaj analizoj montras pli altajn perdojn de mineralaj saloj, kalkaj saloj, k. a. Agante kontraŭ ambaŭ kondiĉoj — kontraŭ la troa konsumo de oksigeno per ripozo aŭ mezalta aerkuracado; kontraŭ la organika senmineraliĝo per refortiga nutrado — oni malakcelas la disvolviĝon de la malsano aŭ ĝin eĉ tute haltigas.

Je tiuj principoj, laŭ mia opinio, resumiĝas la nuna kuracado de la pulma tuberkulozo. Cetere la laboro de la kuracisto ne limiĝas je tio. Li devas kuraci la variajn simptomojn de la malsano je ĝiaj diversaj epokoj kaj laŭ la individuoj, kvietigi la tusadon, forigi la sangosputojn, kontroli la nutradon, haltigi la sangalfluon je la pulmaj fokusoj. Ĉiu malsanulo postulas pri tiuj punktoj kuracadon adaptitan al la simptomoj kaj la irado de lia malsano.

P-ro *Albert Robin*
*(Daŭrigota).* Membro de la franca Medicina Akademio
Trad. *A. R.*

## La demando pri la opio

La Historio estas eterna rekomenco, sed la maniero diferencas laŭ la epokoj. En 1829 imperiestra dekreto malpermesis la fumadon de l'opio en la ĥina imperio; la registaro klopodis haltigi la importojn el Hindujo. Ĉar ĝi ne sukcesis, ĝi fine decidis uzi la perforton: en 1839 ĝi jetigas en la maron la opiajn kestojn pretajn por la elŝipiĝo en Kanton. Britujo deklaris la militon al Ĥinujo kaj, venkinte,

postulis per la traktato de Nankin (1842) monkompenson por la perdita opio kaj la malfermon de kvin havenoj.

La 20. septembro nova imperiestra dekreto malpermesis denove en Ĥinujo la produktadon kaj konsumadon de la opio. Sed la maniero ŝanĝis: laŭ la iniciato de Usono, internacia Konferenco okazis en Shanghai dum 1909 por helpi la klopodojn de Ĥinujo. Oni do konstatas, per tiu konkreta fakto, senteblan progreson de la ideoj pri internacia justeco.

La produktado de la opio, kiu rezultas el la kulturo de la blankflora papavo, estas prizorgata en terspaco, kiu ampleksas Ĥinujon, precipe la provincojn de Seĉonen kaj Junan (22 milionoj da kg. en 1908), britan Hindujon, speciale Bengalon kaj Malwa'n (6 milionoj da kg.), Persujon (600,000 kg.) kaj Anatolion.

La opion oni konsumas en la tuta Mez- kaj Ekstrem-Oriento, de Persujo al Japanujo, en kelkaj havenoj de Eŭropo kaj Ameriko, kie estas kaŝataj fumejoj, sed en Ĥinujo kaj Hindujo la konsumado estas plej granda. La Ĥino fumas la opion, la Hindo ĝin uzas kiel spicon.

Same kiel la alkoholo kaj la tabako, la opio altiris la atenton de la registaroj, kiuj penis eltiri per ĝi gravajn monenspezojn. Ĥinujo ricevas je ĝi dogan- kaj cirkulimposton, kiu enspezigas al ĝi 160 milionojn da frankoj. La Hinda registaro rezervas al si la monopolojn de aĉetado kaj fabrikado; en 1908, ĝi ankoraŭ enspezis 125 milionojn da frankoj, t. e. 7 % de la buĝetenspezoj. En Hindo-Ĥinujo la franca administracio havas la monopolon de importado kaj vendado; per tio ĝi gajnas 14 milionojn. Nederlanda Hindujo vendas la opion plej kare; dank'al tio la konsumado duoniĝis de dek-kvin jaroj; la gajno tamen ankoraŭ atingas 45 milionojn.

La financa demando estas do la plej grava malhelpo por la forigo de la uzado de l'opio. La unua internacia Konferenco, kunveninta en Shanghai (1.-26. februaro 1909), kunigis 11 ŝtatojn: Usono, Francujo, Japanujo, Nederlando, Germanujo, Britujo, Persujo, Portugalujo, Rusujo, Siamo kaj Ĥinujo; ĝi simple rezultis en principdeklaro pri la malutileco de l'opio. Je la dua Konferenco, okazinta en Hago (1. decembro 1911), partoprenis la samaj ŝtatoj, plus Italujo. La akceptita interkonsento deklaras, ke la kontraktintaj ŝtatoj deziras la laŭgradan malaperon de l'trouzo de l'opio, morfino, kokaino kaj de la drogoj preparitaj el tiuj substancoj. La ŝtatoj malpermesos la eksportadon de la kruda opio al la landoj kiuj malpermesis ĝian enirigon, kaj kontrolos ĝian eksportadon al la landoj, kiuj limigas ĝian importadon. La interkonsento lasas la ŝtatojn liberaj por malaperigi laŭ iliaj internaj kondiĉoj la preparitan opion, taŭgan por la konsumado.

La samaj ŝtatoj intencas limigi kaj kontroli la fabrikadon, eksportadon, disvendadon de la morfino kaj de la kokaino. Oni scias, ke tiuj produktoj, same malutilaj, tendencas anstataŭi la opion en Ĥinujo.

Al tiu jam voĉdonita interkonsento aldoniĝas projekto de interkonsento, baldaŭ subskribota; ĝi dekretas severajn regulojn por permesi al Ĥinujo, kun la helpo de la fremdaj registaroj, forigi la uzon de la opio interne de ĝia teritorio. La ŝtatoj klopodos aliparte kontroli la uzon de l'opio en siaj teritorioj kaj koncesioj en Ĥinujo. Fine, la konferenco baldaŭ atentigos la Universalan Poŝt-Union pri la urĝeco kontroli la perpoŝtan sendadon de la kruda opio kaj de la produktoj el ĝi derivitaj.

*P. Clerget.* Trad.[1] *R. B. C.*

[1] El „*Mouvement Pacifiste.*"

# NOTOJ

∴ **Internacia Instituto de Fiziko.** — Tiu Internacia Instituto, fondita la majo 1912, estas plej originala kreaĵo. Ĝi sidas en Bruselo, kaj ĝia administra komisiono konsistas el tri Bruselaj profesoroj, S-roj P. Heger, E. Tassel kaj J.-E. Verschaffelt; sed ĝiaj monhelpoj estas konsentataj, sen konsidero pri nacieco, laŭ propono de internacia scienca komitato, kiu kunigas, sub prezido de l'nederlanda scienculo, S-ro H.-A. Lorentz (el Haarlem), francojn: S-ino P. Curie kaj S-ro Brillouin (Paris); germanojn: S-roj W. Rernst kaj E. Narburg (Berlin); briton: S-ro E. Rutherford (Manchester); belgon: S-ro R.-B. Goldschmidt (Bruxelles); danon: S-ro Knudsen (Kopenhagen). La Internacia Instituto posedas 40.000 Sm. Tiu mono utilas por instigi la esplorojn kapablajn plivastigi kaj precipe pliprofundigi la konon de l'naturaj fenomenoj. La Instituto ĉefe celas la progresojn de fiziko kaj de fizika ĥemio. La 6.400 Sm. ankoraŭ uzeblaj por 1912—13 estos prefere dediĉataj al la studoj pri la fenomenoj de radiado (Roentgen'aj radioj, materioj radio-aktivaj). La petoj pri monhelpo devas esti adresataj al S-ro P-ro Lorentz, en Haarlem (Nederlando); ili devas precize montri la problemojn, por kies solvo estos uzata la mono. — *L. P.* (L.).

∴ **La telefonabonintoj en la mondo.** — Je la 1 januaro 1912, sur la tuta tero, estis 12.500.000 aparatoj de telefonabonintoj. Tiuj aparatoj estis interligitaj per pli ol 47.500.000 kilometroj da fadenoj, kiuj povus milfojojn ĉirkaŭi la terglobon.

Kiel oni povas konstati per jena tabelo, Ameriko posedas la plej altan nombron da aparatoj kaj la plej grandan longon da fadenoj.

| | Nombro da aparatoj | Longo da fadenoj (en km.) |
|---|---|---|
| Ameriko | 8.866.000 | 31.065.000 |
| Eŭropo | 3.239.000 | 15.232.000 |
| Azio | 166.000 | 576.000 |
| Afriko | 41.000 | 232.000 |
| Aŭstralio kaj Oceanio | 141.000 | 496.000 |

Oni vidas, ke, laŭ la tuta nombro da telefonaj aparatoj, estas nur 26,3 % en Eŭropo, sed 67,4 % en Usono.

Statistikistoj faris interesan komparon inter la tri ĉefaj komunikiloj: telefonaj interparoloj, telegramoj kaj leteroj. En Eŭropo la leteroj okupas la unuan vicon, en Usono nur la duan. Usonanoj pli ŝatas paroli, ol skribi.

En 1909 oni kalkulis:

| | Eŭropo (en milionoj) | Usono (en milionoj) |
|---|---|---|
| Telefonaj interparoloj | 4.937 aŭ 24 % | 12.617 aŭ 57,8 % |
| Leteroj | 15.387 „ 74,3 % | 8.793 „ 40,9 % |
| Telegramoj | 345 „ 1,7 % | 98 „ 0,4 % |

Sed la nombro de la telefonaj interparoloj pligrandiĝis dum la kvar lastaj jaroj. En 1911 oni kalkulis pli ol 22 miliardoj da interparoloj, kaj en 1912 preskaŭ 25 miliardojn.

En la tuta mondo, la urbo, kie estas la plej granda nombro da telefonabonintoj kompare kun la nombro da loĝantoj, estas Los Angeles (Kalifornio); tie oni kalkulas 24 aparatojn por 100 loĝantoj. Stockholm okupas la duan vicon kun 20 aparatoj por 100 loĝantoj. Sed, inter la ĉefurboj, Petersburgo estas la lasta kun 2 aparatoj por 100 loĝantoj. — *L. P.* (L.).

∴ **La radiotelegrafado.** — Laŭ la lasta statistiko de la Internacia Oficejo, nun ekzistas en la diversaj landoj de l'mondo 375 marbordaj aparatoj uzeblaj por la publiko. Inter ili oni kalkulas 142 aparatojn en Usono, 33 en Kanado, 43 en Britlando, 22 en Germanlando, 19 en Itallando, 19 en Ruslando, 17 en Franclando, 10 en Hispanlando, 9 en Danlando, k. a. En la kolonioj oni rimarkas: 5 aparatojn en Franca Afriko, 3 en Indo-Ĥinujo, 2 en Madagaskar, 7 en Maroko, 1 en Tunisio, 10 en Britaj Hindoj, 3 en la insuloj Fidji, k.t.p.

Rilate al la aparatoj aranĝitaj sur militŝipoj, Usono okupas la unuan vicon kun 247 aparatoj; sekvas Britlando kun 213, Franclando kun 141, Germanlando kun 112, Itallando kun 77, Japanlando kun 70, Ruslando kun 70, Aŭstrio-Hungarujo kun 37, k. t. p. Sur la komercŝipoj oni kalkulas 455 aparatojn por Britlando, 253 por Usono, 206 por Germanlando, 68 por Franclando, 47 por Itallando, k. a. — *L. P.* (L.).

# LITERATURO

## TRA LA ESPERANTA LITERATURO

**Kroataj poeziaĵoj**, kun literaturhistoria enkonduko, de *Mavro Ŝpicer*. Ludov. Kokai, Budapest, Hungarujo. Prezo: Sm. 0,75.

Al la tutmonda esperantistaro la aŭtoro prave dediĉas tiun ĉi 60-paĝan libreton. Efektive per ĝi la nekroataj esperantistoj povos konatiĝi kun meritplenaj poetoj, kies nomoj ĝis nun ne transiris la limojn de ilia bela malgranda patrujo. Mi konfesas ke, tralegante la scienculan enkondukon kaj viglajn tradukaĵojn de S-ro Mavro Ŝpicer, mi unuafoje ekkonis la nomojn de l'iniciatinto de l'kroatlingva poezio, Marko Marulić (1450—1524) kaj eĉ de tute modernaj poetoj, de Gjuro Arnold (1854) ĝis Ivan Zahar (1845–1907). Tre lerte, kun tre delikata sento de ritmo kaj harmonio, S-ro Ŝpicer sukcesis venki multajn malfacilaĵojn de la entreprenita laboro. Kompreneble mi ne povas prijuĝi la ĝustecon de lia traduko kaj devige mi recenzas liajn versojn kvazaŭ ili estus originale verkitaj. Laŭ tiu vidpunkto, min plej ĉarmis la sekvantaj poemetoj: *Printempo* (p. 23) — *Mia kanto* (p. 29) — *Bela nia patrolando* (p. 36), nacia kroata himno koncize kaj energie esperantigita — *Vintre* (p. 38) — *Mia ŝipo* (p. 39) — *La Migrulo* (p. 42) — *Eĥo* (p. 52) — *Ĉe Solferino* (p. 54).

Ĉu mi kuraĝos fari kritiketojn, ekz. pri kripligo de kelkaj radikoj (inzultas, bald'), pri rimoj persufiksaj (adis, igis, ega, ante) aŭ malĝustaj (amas, plenigas, — amas, aŭdas)? Mi preferas citi la soneton *Eĥo*, kiu donos sufiĉan ideon pri la verstalento de S-ro M. Ŝpicer kaj instigos al la legado de la tuta antologio:

„Mi vin amas!" — aŭdu valo, monto;
Ĝin disportu ĉien vi laŭtege;
El ŝtonegoj agloj ĝin fortege
Kriu supren ĝis ĉiela ponto!

„Mi vin amas!" aŭdu monta fonto;
Ĝis maregoj sonu ĝi bruege
Kaj de tie flugu rapidege
Ĉien ĉiam, nun kaj en estonto!

„Mi vin amas!" ĝin ŝtonegoj aŭdas,
Agloj, maroj, aŭdas ĝin torentoj:
Ĉio bruas resonante: amas!

Duo nur en miaj kovturmentoj
Silentadas spite l'tuta ĥoro:
La ĉiel' kaj via stranga koro.

* * *

**Hungaraj rakontoj** de *Ferenc Herczeg*. trad. *A. Panajott*. Esper. Biblioteko internacia, nº 21. Möller k. Borel, Berlin. Prezo: Sm. 0,10.

Ĝis nun eksterlande oni konas nur malmulte da literaturaĵoj tradukitaj el la hungara lingvo, precipe kelkajn poemojn el Petöfi (vidu *„Esperanto"* nº 110) kaj rakontetojn el Jokai. Dank' al Esperanto, la hungaraj literaturistoj pli kaj pli povos diskonigi sian nacian spiriton. La 21ª kajero de la bonega Biblioteko internacia donas malgrandan specimenon de la nuna novelliteraturo hungara, kaj tre klare, en tute korekta stilo montras la originalecon de la aŭtoro, Francisko Herczeg. Tre prave diras la tradukinto, S-ro A. Panajott, ke per tiu traduko la internacia publiko ekkomprenos la vivon de nuna Hungarujo kaj povos konstati la fakton, ke tiu lando „ĝenerale ne multe diferencas de aliaj eŭropaj landoj, kiel la okcidenta mondo kutimas kredi." Tre „okcidentaj" efektive estas la kvar rakontetoj (kortuŝantaj, amuzaj, ĉarmaj aŭ delikate spritaj), kiujn enhavas la citita libreto.

* * *

**Nord-Germanaj rakontoj** de *Heinrich Bandlow*, trad. Ella Scheerpeltz. Esperanto Biblioteko internacia, nº 22. Möller k. Borel, Berlin. Prezo: Sm 0,10.

Per la afabla permeso de la aŭtoro la tradukinto povis publikigi kelkajn rakontojn de la ŝatata „platgermana" humoristo H. Bandlow. Tre bona estas la stilo de la traduko. La rakontetoj estas interesplenaj kaj povos havigi facilajn legindaĵojn por la esperantaj kursoj. En *Ventega Nokto* la sendormo de malsana infaneto savas ĝian patron el ŝtelo kaj eble el mortigo. *Karaktera homo* estas amuza satiro de monavida domluiganto. La *Senplumigistoj de anseroj* estas du ruzegaj advokatoj, la anseroj estas iliaj trokonfidaj klientoj. Tre vivplenaj estas la popolaj scenoj: la *Orakolo* kaj la *Bastono*.

Legante la du suprerecenzitajn libretojn vi ĝuos bonan esperantan stilon kaj pasigos agrablajn momentojn.

* * *

*Grafo A. Tolstoj.* **Princo Serebrjanij,** historia romano, el la lingvo rusa trad. S-ino M. Ŝidlowskaja. Librejo „Esperanto", Moskvo, Tverskaja 26, Ruslando. Prezo: Sm. 1,60 (afrankite).

Grafo A.-K- Tolstoj (ne konfuzu lin kun la glora Lev Tolstoj) naskiĝis en 1817 kaj mortis en 1875. Liaj ĉefaj verkoj estas la romano „Princo Serebrjanij" kaj kelkaj dramoj ofte prezentataj kaj multe aplaŭdataj en la plej bonaj rusaj teatroj. Princo Serebrjanij estas unu el la ĉefverkoj de l'rusa beletristiko pro la originale altgrade bela stilo, tre drameca priskribo de la malgaja rusa vivo dum la XVIª jarcento kaj senduba realeco de la historiaj faktoj.

Malmultaj verkoj en nia rakonta literaturo povas konkuri kun tiu altvalora 283-paĝa traduko, pri kiu mi diros nur: ĝi estas perfekta kaj modela! *Verto.*

## FELIETONO

### La Suferoj de juna Werther

De W. v. GOETHE

Trad. *P. Usinger*

La 14ª de decembro.

Kio estas tio, karulo? Mi ektimis je mi mem! Ĉu mia amo al ŝi ne estas la plej sankta, plej senmakula, plej frata amo? Ĉu iam mi sentis punindan deziron en mia animo? Mi ne volas certigi. — Kaj nun, revoj! Ho, kiel vere sentis la homoj, kiuj tiel kontraŭajn efikojn atribuis al fremdaj potencoj! Tiu ĉi nokto! Mi tremetas ĝin diri, mi tenis ŝin en miaj brakoj, firme premitan kontraŭ mia brusto, kaj kovris ŝian aman murmuretantan buŝon per senfinaj kisoj. Mia okulo naĝis en la ebrieco de ŝia! Dio! Ĉu mi estas puninda, ke ankoraŭ nun mi sentas feliĉegon revokante al mi tiujn ĉi ardantajn ĝojojn kun plena intimeco? Ĥanjo! Ĥanjo! kaj mi estas mortonta, miaj sentoj konfuziĝas, jam de ok tagoj mi ne jam havas konscion, miaj okuloj estas plenaj je larmoj; nenie mi fartas bone, kaj ĉie bone; mi deziras nenion, postulas nenion; por mi estus pli bone, se mi forirus.

* * *

La decido forlasi la mondon en tiu ĉi tempo je tiaj cirkonstancoj en la animo de Werther akiris ĉiam pli multe da forto. De la reveno al Ĥanjo ĝi ĉiam estis lia lasta ŝanco kaj espero; tamen li diris al si, ke ĝi ne estu trofrua, rapida falo, ke li faru tiun ĉi paŝon kun kiel eble plej trankvila decideco.

Liaj duboj, lia disputo kun si mem vidiĝas je folieto, kiu verŝajne estas komencita letero al Vilhelmo kaj trovita sendata inter lia paperoj.

„Ŝia ĉeesto, ŝia sorto, ŝia kunsento kun la mia premegas ankoraŭ la lastajn larmojn el mia bruligita cerbo.

Levi la kurtenon kaj ekiri post ĝin! ĉi tio estas ĉio! Kaj kial la tremado kaj hezitado? Tial ke oni ne scias, kiel aspektas poste? kaj oni ne revenas? Kaj ke tio nun estas la maniero de nia mentalo suspekti konfuzon kaj mallumon tie, pri kio ni scias nenion certan."

Fine li ĉiam pli parenciĝis kaj amikiĝis kun la malĝojiga penso kaj lia intenco fariĝis firma kaj definitiva, pri kio donas ateston jena dusenca letero, kiun li skribis al sia amiko.

La 20an de decembro.

Mi dankas al via amo, Vilhelmo, ke vi tiele komprenis la vorton. Jes, vi estas prava: al mi estus pli bone foriri. La propono, kiun vi faras pri reveno al vi, ne tute plaĉas al mi, almenaŭ mi dezirus fari ankoraŭ malrektan vojon, precipe ĉar ni povas esperi daŭran froston kaj bonajn vojojn. Ankaŭ estas al mi agrable, ke vi volas veni; pasigu nur ankoraŭ du semajnojn kaj atendu ankoraŭ leteron de mi pri la pluajoj. Estas necese, ke nenio estu kolektata antaŭ ol ĝi estas matura, kaj du semajnoj pli frue aŭ pli malfrue faras multon. Al mia patrino vi diros, ke ŝi preĝu por sia filo kaj ke mi petas pardonon pro ĉiuj ĉagrenoj, kiujn mi faris al ŝi. Tio nun estis mia sorto, aflikti tiujn, al kiuj mi ŝuldas ĝojigon. Adiaŭ, plej kara amiko! Ĉian benon de l'ĉielo al vi! Fartu bone!

* * *

Kio en tiu ĉi tempo okazis en la animo de Ĥanjo, kiaj estis ŝiaj opinioj pri sia edzo, pri sia malfeliĉa amiko, ni apenaŭ kuraĝas vorte esprimi, kvankam laŭ kono de ŝia karaktero ni povas havi ian ideeton pri ĝi kaj bela virina animo povas eniĝi en ŝian kaj senti kun ŝi.

Tio estas certa, ke ŝi firme decidiĝis fari ĉion por forigi Werther, kaj se ŝi hezitadis, estis kora, amika kompato, ĉar ŝi ja sciis, kiel malfacila ĝi estos al li, ja ke ĝi estos preskaŭ neebla. Tamen en tiu ĉi tempo ŝi estis pli multe premata agi serioze; silentis ŝia edzo pri tiuj ĉi interrilatoj, kiel ŝi ankaŭ ĉiam silentis kaj des pli estis ŝia zorgo pruvi al li per la ago, kiom ŝiaj opinioj estus indaj je liaj.

„Tion oni povus", li diris kun malvarma rido, „presigi kaj rekomendi al ĉiuj intendantoj. Kara Ĥanjo, lasu min trankvila ankoraŭ iomete da tempo, ĉio fariĝos!" — „Nur tio, ke vi ne venos ĝis kristnaska vespero!" — Li estis respondanta kaj Alberto eniris la ĉambron. Oni diris malkomplezan „bonan vesperon" nun al la alia kaj iris embarasite tien kaj reen en la ĉambron unu apud la alia. Werther komencis negravan interparoladon, kiu baldaŭ finiĝis, same Alberto, kiu poste demandis sian edzinon pri la komisioj kaj aŭdante, ke ili ne ankoraŭ estis plenumitaj, diris al ŝi kelkajn parolojn, kiuj ŝajnis al Werther malamaj, ja tre severaj. Li volis foriri, li ne povis kaj hezitis ĝis la oka, kiam lia malbona humoro kaj indigno ĉiam pliiĝis, ĝis kiam la tablo estis pretigita, kaj li prenis ĉapelon kaj bastonon. Alberto invitis lin resti, sed li, kiu kredis aŭdi nur negravan komplimenton, dankis malkompleze kaj foriris.

Li venis hejmen, prenis al sia servisto, kiu volis lumigi al li la kandelon el la mano kaj iris sola en sian ĉambron, laŭte ploris, parolis indigne kun si mem, iris fortege tien kaj reen en la ĉambro kaj fine sin ĵetis sur la liton, kie trovis lin la servisto, kiu ĉirkaŭ la dekunua kuraĝis eniri por demandi, ĉu li devus senŝuigi la sinjoron; tion li do permesis kaj ordonis al la servisto ne veni la venontan matenon en la ĉambron, ĝis kiam li vokos lin.

Lundon matene, la dudek unuan de decembro li skribis jenan leteron al Ĥanjo, kiun oni trovis post la morto sigelitan sur lia skribotablo kaj alportis al ŝi kaj kiun mi enmetis tie ĉi laŭparte, kiel vidiĝas el la cirkonstancoj, ke li skribis ĝin.

*(Daŭrigota.)*

---

## NAŬA UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

**Berno,** 24—31 Aŭgusto 1913

### 2a Cirkulero

En la unua, tre mallonga cirkulero, ni komunikis la decidon de la Konstanta Komitato de la Kongresoj, ke la Naŭa estu organizata en Berno. Depost tiu tempo la Loka Organiza Komitato vigle laboris. Ĉar por la tuta organizado restas nur malmultaj monatoj, estas dezirinde, ke jam de nun la Esperantistaro grandnombre sendu sian aliĝon kaj kongresan kotizon, por ke la L. O. K. konu baldaŭ la proksimuman nombron de la kongresanoj.

Malgraŭ la malfavoraj cirkonstancoj ni povas certigi, ke la festo estos grandioza, ke krom la kutima laboro la kongresanoj ĝuos multe da belaj amuzaĵoj. Inter ili estu citataj: Naciaj ludoj, bonega koncerto pri svisaj kantoj (en Esperanto kaj en svisa dialekto), iluminacio de la urbo, festeno kun orkestra koncerto sur monto Gurten, el kie oni ĝuas nekompareblan aspekton de la neĝa Alparo, ekskurso unutaga al la Berna Oberlando kun ĝiaj neĝmontoj kaj mirinde belaj lagoj, internacia kostumbalo, prezentadoj en teatro, kaj tre verŝajne komunaj tagmanĝoj.

Entute la L. O. K. faros sian eblon por plejeble agrabligi vian restadon en la belega Svislando.

Dum la kongreso oni ankaŭ aranĝos ekskursojn de duona, tuta tago aŭ, laŭdezire de du tagoj sur la plej belajn pintojn de nia Alparo; sed en tiuj ekskursoj povos partopreni nur po maksimume 50 personoj, kiuj disponas sanajn piedojn kaj pulmojn. Kiu deziras partopreni en tia ekskurso, volu skribi plejeble baldaŭ al la kongresa komitato. Pli poste oni komunikos detalojn pri kosto k. t. p. Tiuj ekskursoj plejparte ne estas kostaj, ĉar per vagonaro oni atingas la piedon de la Alparo jam post unu horo. Bela Gvidlibro tra Berno kaj Alpoj estas en preparo.

Granda Banko (Kantonalbank von Bern) kolektas de nun la kongreskotizon (6 Sm = 15 Frankoj). Oni povas sendi tiun monon, al la nomita Banko, ĉu per internacia poŝtmandato, ĉu per ĉeko de la Ĉekbanko Esperantista aŭ de alia bona banko. Ĉar kelkaj oficistoj de la Kantonalbank scias Esperanton oni eventuale povas aldoni korespondaĵon en nia lingvo.

Kiu frutempe aliĝos, povos ricevi loĝejon en privata domo, laŭ tre malkara prezo. La komitato disponas jam pli ol mil tiajn ĉambrojn. Post interkonsento kun la luantaro ni starigos liston de ĉiuj ĉambroj (kun matenmanĝo) laŭ tri klasoj. La Esperantistaro estos akceptita plej ĝentile kaj trovos nur bonajn ĉambrojn.

Por la intereso de la Esperantistoj kaj la prospero de la Naŭa Kongreso ni insiste petas, ke ĉiuj kiel eble plej baldaŭ aliĝu kaj sendu sian kotizon, ĉar por la preparaj laboroj ni bezonas monon. Nur per mono ni povos organizi prosperan laboron kaj brilan feston!

Post nelonge eldoniĝos arta glumarko, kies riĉan uzadon ni jam nun rekomendas al ĉiuj Esperantistoj.

Post la kongreso okazos tri- aŭ kvartaga rondvojaĝo tra Svislando por viziti la plej allogajn lokojn, ekzemple Interlaken, Lucerno, Rigi, Esperanta Paradizo, Zürich, k. t. p.

Ĉiu letero kaj poŝtkarto estu sendata al la „Komitato de la Esperanto-Kongreso en *Bern*."

Ĉiu monsendo estu direktata al la „Kantonalbank von Bern" en *Berno*.

Berno, Januaro 1913.

La Direktanta Komitato.

# ESPERANTISMO

## KRONIKO

**Novaj grupoj kaj societoj.** — *Horsens* (Dan.). — Post parolado de S-ro Svend Aae fondiĝis nova Esp. klubo „Konkordo“ ĉe la Asocio de komercaj helpantoj; 30 membroj. Tio estas sekvo de Idista parolado, kiun nia samideano Svend Aae venke refutis; la gazetoj enhavas favorajn artikolojn.

*Tampere* (Finlando). — Nova Esp. societo fondiĝis. — T. L.

*Vejle* (Dan.). — Post parolado de S-ro Svend Aae fondiĝis grupo ĉe la Asocio de komercaj helpantoj; ilin regule instruas la tiea Del. de U. E. A. — S. A.

*Capodistria* (Aŭstrio). — Nova studenta grupo fondiĝis sub la aŭspicioj de U. E. A. — M. M.

**Novaj kursoj.** — *Glasgow.* — Sekve de la parolado de S-ro Pitlik, nova kurso baldaŭ malfermiĝos. — D. B.

*Greifswald* (German). — Kurso de S-ro poŝtinspektoro Ricke; partoprenas 20 poŝtoficistoj.

*Shanghaï.* — Specialan kurson, kies anoj estas geprofesoroj de Virina Instruiga Instituto gvidas S-ro K. Ĉ. Ŝan. Koresponda kurso, kies gvidanto estas S-ro K. Ĉ. Ŝan, havas 340 anojn; fine en la Esp. grupo kurso kun 50 anoj.

*Val. Meziriĉe* (Moravio). — S-ro Haltmar komencis kurson por instruistoj.

*Wien.* — La societo Danubio komencis du novajn kursojn; S-ro Harpfen, 27 lernantoj; S-ro Wechsberg, 47 lernantoj. — K. J.

**Paroladoj.** — *Essen* (German). — S-ro Pillath, Del., faris efikan paroladon antaŭ la unuigita instruistaro de Werden kaj Kettwig.

— Sub la aŭspicioj de E. S. F. I. O. (Asocio de Esp. Socialistoj) paroladoj okazis en la antaŭurbaj kvartaloj de Parizo.

**Paroladvojaĝo pri Praha.** — S-ro P-ro Pitlik daŭrigas sian sukcesan peresperantan paroladvojaĝon. Li paroladis la 18 januaro en Bradford (130 personoj, tradukis S-ro Priestman kaj F-ino Fordoff), la 20 en Glasgow (180 personoj, tradukis S-ro Scott), la 24 en Londono. En tiu ĉi lasta urbo estis tre granda sukceso; 400 ĉeestantoj. S-ro Heldmann, Chairman of Middlesex Education Committee, antaŭ la parolado, diris, ke Esperanto estos baldaŭ enkondukata en ĉiujn mezajn lernejojn de Middlesex; S-ro Mudie paroladis pri U. E. A.; post la parolado la membroj de la bohema londona sokola societo montris la ekzercojn de la lasta sokola kongreso en Praha. S-ro Pitlik parolados la 6 februaro en Rouen, la 10 en Beaune, la 12 en Chaux-de-Fonds, la 13 en Neuchâtel, la 17 en Lyon, la 20 en Villeneuve, la 25 en Barcelona, la 1 marto en Teruel. Dum februaro la adreso de S-ro Pitlik estos: Esperantista Hejmo, 78, rue de l'Hotel-de-Ville, Lyon. Post la Naŭa S-ro Pitlik intencas paroladvojaĝi ĉirkaŭ la mondo (Ameriko, Aŭstralio, Japanujo, Ĥinujo).

**Kunvenoj kaj festoj.** — *Barcelona.* — La ĝenerala kunveno de la Esp. societo „Paco kaj Amo“ okazis la 5 januaro; oni elektis la novan komitaton por 1913.

*Elberfeld* (German.). — Sukcesa kaj gaja festo organizita de la Esp. grupo la 28 decembro. — E. T.

*Kovno* (Rus.). — La 26 decembro, sukcesa propaganda vespero de la Kovna Esp. Societo. S-ro Nedoŝivin faris priesperantan paroladon, kiun sekvis komedieto kaj vivplena balo; 400 ĉeestintoj. — M. V.

*Wien.* — La asocio Danubio arranĝis la 31 decembro sukcesplenan silvestran feston. — K. J.

**Esperantiaj regionaj kunvenoj.** — *Liverpool.* — La Del. raportis pri sia agado kaj la ĝenerala stato de U. E. A. La raporto estis akceptata. Per kolekto ĉe la klubanoj gvidfolio estas eldonita.

*Shanghaï.* — La kunveno okazis la 15 decembro kun plena sukceso. S-ro K. Ĉ. Ŝan, dankinte la ĉeestantojn, parolis pri la graveco de U. E. A. por la homaro kaj speciala utileco por Ĥinoj, kiuj per ĝi multe sciiĝos pri eŭropaj institucioj. Poste, S-roj Su-Ŝi-Ĉin, Wedel, Jau Min Cen, Espiano, kaj aliaj faris interesajn paroladojn.

Post la publika parolado, nur la Esp-ianoj aparte kunvenis por la kontrolado de l'balotiloj. S-ro K. Ĉ. Ŝan, Del., donis klarigojn pri la kotizaĵo de U. E. A. La kunveno deziresprimis por la elekto de Del. en kelke da Ĥinaj urbegoj, kie loĝas bonaj Esperantistoj, kaj ekzamenis diversaĵn proponojn de la membroj.

*St. Etienne.* — Ĉe la regiona kunveno, okazinta la 20 decembro, S-ro Gabert, Del., faris pri U. E. A. kaj ĝia financa stato raporton, kiu estis akceptata. Sekvis diskuto pri la financa reformo.

*Varsovio.* — La kunveno okazis la 28 decembro; ĝi akceptis la raporton de la Del. kaj ekzamenis diversaĵn proponojn de la membroj.

---

## DIVERSAĴOJ.

.˙. *Esperantista Akademio.* — La Akademio akceptis la jenan interesan decidon:

La Akademio, rimarkinte kun bedaŭro, ke ofte aperas esperantaj verkoj, kiuj enhavas multajn lingvajn erarojn; ke, pro diversaj kaŭzoj, tiuj verkoj ne estas sufiĉe severe recenzataj de la esperanta gazetaro, kaj ke tiu nesevereco estas trompo por la publiko kaj povas malutili la evoluon de nia lingvo, donante al la publiko malbonajn ekzemplojn;

rekomendas:

al la gazetaj recenzistoj, ke ili estu pli severaj, kaj ke ili ĉiam zorge notu la lingvajn erarojn, kiujn enhavas la recenzitaj verkoj;

al la verkistoj, ke ili ĉiam legigu siajn verkojn, antaŭ la eldonado, ĉu de iu kompetenta Lingvokomitatano, ĉu de iu kritikista komitato;

al la Naciaj Societoj, ke ili interkonsentu kun la Naciaj Subkomitatoj de la Lingva Komitato, nun fondataj, por starigi, kiel jam faris la B.E.A., tiujn kritikistajn komitatojn, al kiuj la verkintoj kaj la eldonistoj povos sin turni por esplorigi la publikigotajn verkojn kaj ricevi ian garantion pri ilia lingva korekteco.

Aliflanke, la Akademio akceptis per la plimulto de la voĉoj la jenan tekston, sekve de la proponoj de Antido kaj Ĉefeĉ.

1. La Akademio opinias, ke la vortfarado en Esperanto estas fondita sur la logika kaj senpera konstruo de ĉiu aparta vorto, kaj ne sur tiel nomitaj „reguloj de derivado“; ke reguloj de derivado malutilus al la lingvo, agante kontraŭ ĝia normala funkciado, ke tiaj reguloj alportus arbitrajn elementojn, ĝenantajn por la skribata lingvo kaj malutilajn por la parolata lingvo.

2. La Akademio opinias, ke kelkaj aŭtoroj trouzas sufiksojn: tio estas preskaŭ neevitebla en la parolata lingvo, sed tio estigas la skribatan lingvon nenecese peza. La kaŭzo de tiu trouzo kuŝas en la fakto, ke nevole oni ofte tro insistas sur ĉiu esprimota ideo por ĝin penetrigi pli forte en spiriton de l'aŭskultanto aŭ de l'leganto. Ĉar aliflanke, oni ne devas tiom ŝparegi la sufiksojn, ke la vortoj fariĝas nekompreneblaj, estas konsilinde difini la limojn, inter kiuj oni devas resti, tiamaniere ke oni lasos al arbitro kaj al personaj preferoj rolon kiel eble plej malgrandan.

La Akademio do rekomendas al la esperantistaj aŭtoroj, ke ili sekvu la du jenajn principojn, kiuj kontraŭstaras unu la alian kaj estas la logika bazo de vortfarado en Esperanto:

a) *Principo de neceso:* en konstruon de vorto oni devas enkonduki ĉiujn vortradikojn, sufiksojn, prefiksojn kaj finiĝojn necesajn por elvoki klare kaj plene la ideon reprezentotan de tiu vorto;

b) *Principo de sufiĉo:* se la ideo tiamaniere esprimita estas jam bone kaj nekonfuzeble komprenata el la kunteksto sen iu el la sufiksoj uzitaj, tiu ĉi sufikso povas esti eljetata kiel neutila kaj nenecesa.

Se tiu teksto ne estas malaprobita de pli ol unu triono de la Lingva Komitato, ĝi fariĝos oficiala. *O. G.*

.˙. *Gazeta koncentriĝo.* — Niaj germanaj samideanoj bone komprenis la danĝeron, kiu en la nuna stato de nia movado rezultas el la kunekzisto de pluraj samcelaj, kaj sekve konkurantaj, gazetoj. Antaŭ kelkaj monatoj la *Esperantisto* kuniĝis kun *Germana Esperantisto;* lastatempe oni anoncas al ni, ke la ĝisnuna *Germana Esperanto-Gazeto,* eldonita en Magdeburg, siavice kuniĝas kun *Germana Esperantisto,* kiu daŭras aperi sub sia ĝisnuna titolo kiel oficiala organo de G. E. A.

Aliparte en Francujo *Franca Esperantisto* kaj la *Oficiala Bulteno de S. f. p. E.* kuniĝas kun *La Movado,* kiu sub tiu titolo kaj la subtitolo *Franca Esperantisto* aperos kiel oficiala organo de S. f. p. E. La direktoro restas S-ro E. Houbart, kaj la redakcio sidos, kiel antaŭe, en Parizo, 61 Bd St Marcel.

.˙. *Esperanto kaj predikado.* — Ni raportis (Vidu *Esperanto* de 20 decembro), ke en Londono ekzistas nun preĝejo, kie ĉiumonate okazas Esperanta diservo. *British Esperantist* jene raportas pri la inaŭgura ceremonio:

„Pli ol cent personoj ĉeestis, inter kiuj oni rimarkis multajn neesperantistojn, altiritajn kredeble de scivolo, aŭ de la invitoj de esperantistaj amikoj. Elokventan predikon faris S-ro H. B. Mudie, kiu tiris lecionojn el la alegorio pri la talentoj (Mateo XXV) La citita ĉapitro estis la dua biblia legaĵo, kaj S-ro Mudie ĝin legis en presprovaĵo de la tiam ankoraŭ neeldonita Esperanta Novtestamento; ĉi tio do estis kredeble la unua publika uzo farita el la traduko nun en la manoj de ĉiu leganto. F-ino G. Cosmetto kantis „Dio, pli apud vin" kun vera religia sento; neniu aŭdinto facile forgesos la solenan impreson faritan de tiu bela kanto de aspirado kaj sindediĉo. S-ro H. C. Philp parolis kelkajn vortojn en Esperanto, por oficiale transdoni al la esperantistaro plej koran bonvenon de la estraro de Harecourt Church.

## TRA LA GAZETARO

.˙. *La Verda Standardo* (jan.). *La nunaj devoj* (R):

„...Laste ni parolas pri *la grupoj,* ĉar la vigligo de ilia vivado havas unuarangan gravecon. La grupoj estas la maŝoj en la tutmonda reto de la esperantistaro. Tial ni klopodu en ĉiu urbo certigi la ekziston de la grupo, nepre fiksi tagon kaj ejon por kunvenoj, instigi la membrojn konstante daŭrigi la kunvenadon. Eĉ se nur kvar aŭ ses personoj kunvenas, tamen ilia renkontiĝo de tempo al tempo por ekzerci nian lingvon kaj kreskigi en si la samideanan senton, estas la ĝermo de estonta vigla prospero de Esperanto. La publikigo de tiuj renkontiĝoj al la tutmonda esperantistaro ebligas, ke hazarde tien iranta esperantisto trovu samideanan akcepton.

La interproksimigon de la membroj devas plifaciligi la grupoj per ĉiuj eblaj rimedoj; krom la ordinaraj kunvenoj, festetoj, komunaj amuzoj, ekskursoj, vigligas la esperantistan vivon. Ni ankoraŭ atentigas pri tre bona, ĝis nun malofte uzita okazo por bona esperanta propagando. Apenaŭ ni povas imagi pli bonan okazon por tio, ol reciprokan interviziton de grupoj en proksimaj urboj. Vizito eĉ de 4—5 samideanoj povas havi mirindan efikon je la esperantista vivo de ambaŭ grupoj. Ĉar tiaj vizitoj postulas ne grandan preparon, nek multan elspezon, nenio malhelpas, ke ili fariĝu ĉiam pli kaj pli oftaj. Tiamaniere naskiĝos amikeco inter samideanoj, kaj tio pleje alligas al Esperanto kaj esperantista movado..."

.˙. *Germana Esperantisto* (jan.).

„...Nia afero marŝas. Videble kreskas la intereso por nia kara lingvo. Pli kaj pli oni uzas ĝin praktike kaj jam tre aŭdeble ĝi frapetas kontraŭ la pordoj de niaj lernejoj. Ĝoje kaj esperplene ni povas rigardi en la venontan jaron. Ni deziras al niaj amikoj tutkore, ke ĝi fariĝu por ili feliĉa kaj prosperiga. Forflugu la nigraj nuboj, kaj ĉiam lumu super ni de sur denove serena ĉielo la milda brilo de nia verda stelo..."

.˙. *Suno Hispana,* la malnova Esp. gazeto por Hispanujo, kies 1a No aperis antaŭ 8 jaroj, reaperas (redakcio: 26, Colon, Valencia):

„...Triafoje aperas *La Suno Hispana* ĉe la esperanta horizonto. Specialaj cirkonstancoj devigis nin dufoje haltigi ĝian publikigon; hodiaŭ ni revenas al la batalo pli entuziasme, ol antaŭe, firme konvinkitaj pri tio, ke la triumfo de Esperanto estas jam proksima kaj ke la progresa idealo, kiun enkorpigas la internacia lingvo, estas tuj fariĝonta brila realaĵo, por la bono de la homaro..."

.˙. *Revuo de Esperanta Psikistaro* estas la nomo de nova trimonata revuo dediĉata al la studado de la psikaj fenomenoj. (Redakcio: S-ro A. Stas, Waltwilder par Bilsen, Belgujo.)

.˙. *Portugala Revuo,* nova ĉiumonata organo de la Portugalaj Esperantistoj. (Redakcio: Rua do Rosario 215, Porto.)

.˙. *Ukraina Stelo,* nova monata ilustrita gazeto, organo de la Ukrainaj Esperantistoj. (Redakcio: S-ro O. Kuzma, 360 Nova, Kolomea, Galicio.)

.˙. *Holanda Pioniro* (dec.) tute represis la artikolon aperintan en Esperanto pri „U. E. A. kaj Esperantistaj Societoj" (Th. Rousseau).

.˙. Favoraj notoj pri U. E. A. aperis en: *Germana Esperantisto* (jan.), *British Esperantist* (jan.), *Normanda Stelo* (jan.) *Orienta Azio* (No 14), *Svisa Espero* (jan.), *Zemuna Esperantisto* (dec.), *La Dek-Sepa* (jan.), *Paris-Esperanto* (jan.), *Portugala Revuo* (jan.).

.˙. *L'Illustrazione Ligure* regule publikigas artikolojn en Esperanto.

.˙. Favoroj artikoloj aperis en: *General-Anzeiger,* Ludwigshafen (21 dec.), *Danziger Neueste Nachrichten* (23 dec.), *Schlesisches Tageblatt* (22, 25 dec., 5 jan.), *Königsberger Allgemeine Zeitung* (27 dec.), *Altonaer Nachrichten* (28 dec.), *Deutsche Warte* (5, 12, 19 jan.), *Badische Landeszeitung* (31 dec.), *Beuthener Zeitung* (8 jan.), *Wernigeroder Zeitung* (4 jan.), *Dortmunder Tageblatt* (8 jan.), *Osnabrücker Tageblatt* (8 jan.), *Dresdener Nachrichten* (9 jan.), *Dresdner Journal* (15 jan.), *Der Landbote,* Winterthur (21 jan.), *Ostdeutsche Presse* (15 jan.), *Maitland Daily Mercury* (6 nov.), *Weekly Herald,* Gainesville (13 dec.), *Statesman* (1 jan.), *Idaho Fallo Time* (31 dec.), *Selmecbanyai Hirlap* (12 jan.), *Kurjer Kaliski* (9 jan.), *Independente,* Loanda (21 oct.), *La Rive Bleue,* Cannes (22 dec.), *L'Echo des Ardennes* (16 jan.).

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Al niaj Delegitoj.** — Ni tre petas la Del., kiuj tion ne ankoraŭ faris, ke ili bonvolu kiel eble plej baldaŭ zorgi pri la repagado de la membraj kotizaĵoj en sia regiono.

— La *Oficiala Jarlibro* (eldono 1913) aperos en februaro kaj dum tiu monato estos sendata kun la membrokarto al ĉiuj personoj, kies kotizajon enkasigis la C. O. de U. E. A.

— Dum februaro aperos nova *Oficiala Bulteno* (No. 16) dediĉata precipe al la statistiko de la Esperantiaj servoj dum 1912.

**Interŝanĝa Fako.** — Ni rememorigas, ke la *Interŝanĝa Bulteno* ne plu aperas kiel aldono al *Esperanto;* ĝi estas sendata nur al la membroj de la Interŝanĝa Fako. La No. 7 de tiu Bulteno aperis en januaro. La membroj de la I. F. kiuj ne ankoraŭ pagis sian kotizajon por 1913 bonvolu tion fari kiel eble plej baldaŭ, pagante samtempe la kotizajon al U. E. A. por la nuna jaro. La membroj, kiuj ne estos repagintaj la kotizajon antaŭ la 28 februaro estos forstrekataj. La aliĝon de la I. F. ni rekomendas al ĉiuj Esperantianoj, kiuj deziras korespondadi, kolekti aŭ pri kiu ajn temo interrilati kun alilandanoj. La speciala kotizajo estas 50 sd (krom la kotizajo de U. E. A.) kaj rajtigas al la ricevo de la *Interŝanĝa Bulteno.*

**Propagandiloj.** — Al niaj Del. kaj al ĉiuj niaj amikoj ni rememorigas, ke antaŭ nelonge aperis nova eldono de la nacilingvaj propagandiloj pri U. E. A. (La internaciaj rilatoj. Kiel ilin plifaciligi? Kiel ilin plimultigi?). Ekzistas ĝis nun novaj eldonoj en lingvoj *angla, franca* kaj *germana.* Ĉiu folio enhavas nacilingvan aliĝilon. Tiuj propagandaj folioj, kiuj koncize konigas la organizon kaj la servojn de U. E. A., estas aparte rekomendindaj por privata varbado de membroj, disdonado ĉe paroladoj, kursoj, kunvenoj, ktp. Prezo: 10 ekz. fr. 0.25 (10 sd); 100 ekz. fr. 1.75 (70 sd).

**Balotado de la Delegitoj.** — Ni publikigas ĉi-sube la trian liston de la balotoj de la Delegitoj. (Vidu la unuajn rezultatojn en *Esperanto* de 20 decembro kaj 20 januaro).

En la suba tabelo la unua cifero, post la nomo de la regiono, montras la nombron de la membroj, la dua la nombron de la voĉdonintoj. La substrekitaj nomoj montras la ĝisnunajn Delegitojn.

D = Delegito. — VD = Vicdelegito. — E = Elektita.

BARCELONA. — 20; 13. — D: *A. Sabadell* 13 E. — VD: (neelektita).

DRESDEN II. — 21; 14. — D: *Fr. Radeck* 14 E. — VD: *B. Butze* 14 E.

DÜSSELDORF. — 25; 10. — D: *B. Luis* 10 E. — VD: M. Wiesner 10 E.

SHANGHAI. — 114; 76. — D: *K. Ĉ. Ŝan* 45 E; Lu Ŝi-Ĉin 32. — VD: *Lu Ŝi Ĉin* 37 E; K. Ĉ. Ŝan 25; Andro-Ŝuno 13.

ST-ETIENNE. — 29; 14. — D: *E. Gabert* 11 E; Peyraud 2; Chollet 1. — VD: *Peyraud* 11 E; Gabert 1: Jacquin 1; Sabatier 1.

WORMS. — 27; 11. — D: *H. Pfaff* 11 E. — VD: *L. Leyd-ecker* 11 E.

En la ĝis nun okazintaj balotoj partoprenis 897 personoj el 2517 membroj.

Ni konstatas, ke en sufiĉe multe da regionoj ne ankoraŭ okazis la laŭstatuta balotado, malgraŭ la alsenditaj instrukcioj. Ni petas niajn Del., ke ili bonvolu ĝin plej baldaŭ aranĝi kaj sendi al ni regulan protokolon. La nomoj de la regionoj, kies balotprotokolon ni ne ricevos antaŭ la 28 februaro, aperos en *Esperanto.*

**Novaj Delegitoj.**

*Bajhor* (Siberio, Zabajkala obl.). — D.: Reŝĉikow, ĉefpastro.

*Barry* (Kimrujo). — D.: R. T. Evans, lernejestro, 12 Park Grove.

*Canaples* (Francujo, Somme). — D.: Paul Suinot, subestro de stacidomo, Gare de Canaples.

*Charbonnières-les-Bains* (Francujo, Rhône). — SD.: D-ro Hugot, kuracisto.

*Homel* (Rusujo, Mochilev gub.). — VD.: Leo Vigodskij, lernanto.

*Libau* (Rusujo, Kurland). — VD.: Josefo Kaplan, 20 Jacobstr. (por korespondaĵoj: Postfach 16).

*Mülhausen* (Germanujo, Elsaco). — VD.: Paul Denninger, Marignandurchgang 5.

*Newton* (Usono, Iowa). — D.: C. C. Briggs, Box 344.

*Pola* (Aŭstrio, Istrio). — D.: Romeo Zorzenon, elektromekanikisto, 12 via Medolino.

*Swansea* (Britujo Kimrujo). — D.: Arthur H. Jones, 8 Kemble Street.

*Ungvár* (Hungarujo). — VD.: D-ro Zsigmond Ruszinko, hungara reĝa juĝisto.

**Ŝanĝoj.**

*Arezzo* (Italujo). — D.: P-ro Jakobo Meazzini, S. Giovanni Valdarno, Badiola.

*Cape Town* (Afriko). — VD.: Ove Hansen, P. O. Box 1462.

*Ĉerkasso* (Rusujo, Kiev gub.). — D.: Vasilij Josifoviĉ Ivanenko, instruisto de gimnazio, Bulvarnaja 50.

*Franzensbad* (Aŭstrio, Bohemujo). — Jakob Hechtl, fervoja sekretario, Villa Biedermaier.

*Gommersheim* (Germanujo, Bavarujo). — D.: Jakob Dreifus, poste restante.

*Kamnitz* (Aŭstrio, Bohemujo). — D.: A. Ohme.

*Linz* (Aŭstrio). — D.: Josef Aumayr, fakinstruisto, 15 Steingasse.

*Lyon* (Francujo, Rhône). — D.: L. Poncet, med. studento, Esperantista Hejmo, 78, rue de l'Hôtel de Ville (vizitebla ĉiutage de la 5 ĝis 6 h.). VD.: Ch. Bégel, profesoro ĉe la liceo, 19, rue de Marseille.

*Roznov* (Aŭstrio, Bohemujo). — D.: D-ro Vaclav Drtina, advokato.

*Santiago de Compostela* (Hispanujo, Galicia). — D.: Antonio Carro Garcia, Toral 6.

*Ŝepetovka* (Rusujo, Vol. gub.). — D.: Leon Kirzner, instruisto, Razarnaja ul.

*Shanghai* (Ĥinujo). — D.: K. Ĉ. Ŝan, instruisto, 49 Linyen Rd., W-gate.

**Eksiĝoj.**

*Basingstoke* (D.: Woolgar; *Des Moines* (D.: Briggs); *Omsk* (D.: Leitong); *Umanj* (D.: Dmochovski); *Welsberg* (D.: Felser).

**Esperantiaj Entreprenoj** (por la jaro 1913).

*(Daŭrigo.)*

161. *Hastings*, Esp. Grupo.
162. *Lyon*, Grupo: Amikaro Esperantista.
163. *München*, Societo Esperanto.
164. *Horsens*, Rud. Kramper & Jörgensen, motorfabriko.
165. *Horsens*, Paasch & Lorsen, fabriko de laktaj maŝinoj.
166. *Horsens*, Emil Möller, fabriko de telefonoj.
167. *Bukarest*, Editura Esperanto.
168. *Huddersfield*, Esp. Grupo.
169. *Eastbourne*, Societo Esperanto.
170. *Bath*, Societo Esperanto.
171. *Lausanne*, Esp. Grupo.
172. *Dresden*, Societo Esperanto.
173. *Dresden*, Sinjorina Societo Esperanto.
174. *Dresden*, Dresdner Esperanto-Verein.
175. *Dresden*, Poŝta Esp. Unuiĝo „Zamenhof".
176. *Dresden*, Esp. Unuiĝo „Zamenhof".
177. *Dresden*, Bankoficejo Gebr. Arnhold.
178. *Dresden*, Seidel & Naumann A.-G., fabriko por skribmaŝinoj, bicikloj kaj kudromaŝinoj.
179. *Dresden*, Neumann & Ko., fabriko por kotiljonaĵoj.
180. *Dresden*, F. Emil Boden, presejo.

181. *Dresden,* J. A. Nobis & Hellmuth Obst, presejo.
182. *Dresden,* Gebr. Hörman A.-G.. vaflofabriko.
183. *Dresden,* Vereinigte Eschebach'sche Werke, fabriko por banfornoj kaj banaparatoj.
184. *Dresden,* „Ica" Aktiengesellschaft, fabriko por fotografaparatoj.
185. *Dresden,* Adler & Borel, Esperanto-eldonejo.
*Daŭrigota.*

## PRAKTIKAJ DEMANDOJ

En la daŭro de la lastaj monatoj ni ricevis de niaj reprezentantoj aŭ de niaj membroj diversajn demandojn pri administraj aŭ aliaj punktoj koncernantaj nian Asocion. Ĉar ili plejparte havas ĝeneralan intereson, ni juĝas pli praktike ilin priparoli ĉi tie ol letere respondi pri ili — kio plej ofte estas al ni neebla pro manko de tempo.

1. *Oficiala Jarlibro.* Kelkaj personoj plendas, ke la Jarlibro aperas tro malfrue. Iuj dezirus ĝin ricevi komence de januaro, aliaj eĉ tuj de novembro. Ni bone komprenas tiujn diversajn dezirojn, sed ilin kontentigi estas malfacile, precipe tiun ĉi jaron. Ni unue rimarkigu, ke la ĉefa instigo por varbado de Esperantiaj Entreprenoj estas la publikigo de ilia adreso kaj anonco en la Jarlibro. Ĉefe pro tio ili konsentas pagi la relative altan kotizaĵon da 5 Sm. La sperto montris, ke la Esperanta agadjaro ĝenerale komencas en oktobro aŭ novembro. Dum tiu tempo la Del. zorgas pri la varbado aŭ repagigo de la membroj kaj Entreprenoj. Tiuj aliĝoj ofte okazas dank' al la pereco de membroj renkonteblaj en la grupaj kunvenoj. Ni do povas havi sufiĉe plenan liston nur fine de decembro. Pro similaj kaŭzoj okazas dum aŭtuno sufiĉe multaj ŝanĝoj de Delegitoj. Ĉar ni deziras, ke nia Jarlibro estu kiel eble plej fidinda, ni penas jam enregistrigi tiujn ŝanĝojn por la adresaro de la kuranta jaro. Pro tiuj ĝeneralaj kondiĉoj nia Jarlibro ne povas aperi antaŭ januaro. Sed tiun ĉi jaron specialaj cirkonstancoj kaŭzis, ke ĝi aperas nur en februaro. La personoj, kiuj ĝin ricevos, facile komprenos la kialon. Efektive, krom la kutima materialo, plurfoje korektita, nia Jarlibro enhavas multajn novajn informojn (speciale pri kronologio, festoj, tajdo, horo, mondformato, mono, internaciaj institucioj, estontaj kongresoj kaj festoj, k. t. p.) kaj tute novan parton pri la hotela servo kaj praktikaj klarigoj pri ĉiu lando. La kolekto kaj korekto de tiuj diversaj informoj, ofte malfacile riceveblaj, trudis al ni tre grandan laboron kaj multe da tempo. Spite tio, ni bone konscias, ke ni ne atingis ankoraŭ plene kontentigan rezultaton. Almenaŭ ni starigis la necesan fundamenton, kiun ni povos multe pli facile plibonigi en la venontaj eldonoj. La unumonatan prokraston niaj membroj esperebIe pardonos, kiam ili vidos, ke nia nunjara Jarlibro havas 300 paĝojn anstataŭ 180. Krom tiuj kaŭzoj oni ankoraŭ devas noti, ke ni devis atendi la rezultatojn de la Delegitbalotado, kiu okazis nur dum novembro kaj decembro (kaj, ho ve! eĉ nun ne estas plenumita en multaj regionoj).

Kelkaj personoj sugestis, ke ni sendu la membrokarton tuj post ricevo de la aliĝo kaj la Jarlibron nur en februaro kaj marto. Sed tio kaŭzus senteble pli altajn temp- kaj poŝtelspezojn, kiujn ni en la nuna financa situacio de U. E. A. deziras eviti. Plej bona solvo estas, laŭ nia opinio, aperigi la Jarlibron en januaro. Al tio niaj Delegitoj povos efike helpi klopodante por la aliĝo de la Entreprenoj jam en oktobro.

2. *Nova kotizaĵo.* Ni plezure konstatas, ke en multaj lokoj la Del. sukcesis havi tiom da membroj pagantaj la novan kotizaĵon da 1 Sm. kiom da membroj kun la lastjara kotizaĵo da 50 sd. Ni citu ekzemple Breslau, Dresden, Lyon, Moskvo, München, k. t. p. En aliaj lokoj, la Del. skribas al ni, ke li havas malfacilaĵojn, ĉar la membroj „malofte uzas la servojn de U. E. A" aŭ „ne havas la okazon vojaĝi eksterlanden". Tio plej ofte venas el tro mallarĝa kompreno pri U. E. A. aŭ el malbona organizo. Rilate al la unua ni jam montris, ke al U. E. A. povas aliĝi ne nur personoj dezirantaj uzi niajn servojn por siaj aferoj aŭ por vojaĝoj, sed ankaŭ personoj, kiuj simple aprobas la celadon de nia Asocio kaj opinias, ke ĝi plenumas utilan rolon, ĉu el Esperantista, ĉu el pli ĝenerala vidpunkto. Simile estas en multaj aliaj organizaĵoj, speciale en diversaj Turing-Kluboj, kiujn oni citis al ni kiel imitindajn ekzemplojn. Aliparte ni rimarkigu ke krom individuaj servoj, kiuj dependas de la bezono de ĉiu, U. E. A. liveras ĝeneralajn servojn, kiujn ĉiu povas profiti, ekzemple nia nova Jarlibro (1913) kun siaj diversaj informoj, kiujn ĉiu povos legi kun profito, eĉ se li neniam vojaĝas — pri kio cetere neniu estas certa.

En *Esperanto* de 20 decembro nia vicprezidanto, S-ro Rousseau, montris kiamaniere la Del. povas plej efike agi por la repagigo de la kotizaĵoj. Ofte, la membroj ne repagas la kotizaĵon, simple ĉar la Del., cetere tre fervora, ne petas ilin aŭ flankelasas la administran parton de sia tasko. Propagandi por U. E. A. per la parolo aŭ la gazetoj estas certe io utila, sed ne malpli utile estas okupiĝi pri regula administrado, kiel repago de la kotizaĵoj, aranĝo de regiona kunveno, k. t. p. Se ni volas, ke U. E. A. progresu, du aferoj estas necesaj egale: konservi niajn membrojn, akiri novajn.

*(Daŭrigota).* *H. H.*

# Esperantia Parolejo

## Oni laŭdas!

.·. S-ro *Th. Renard,* Esp-iano en Ĝenevo, bezonante fotografaĵojn de la Nova Kampanilo en Venezia sin turnis al diversaj librovendistoj de Ĝenevo por ricevi ilin. Atendinte dum multaj semajnoj kaj nenion ricevinte li skribis al S-ro Reni, Del. en Verona, kaj post kelkaj tagoj li havis la deziritan objekton. Li kore dankas la afablan italan korespondanton.

.·. S-ro *R. Rubčič,* Del. en Zara, dankas S-ron Génermont, antaŭan Del. en Parizo, pro grava literatura servo; al Esp-ianoj D-ro Fodor, el Temesvar, kaj D-ro Dubrovnik, el Varsovio, pro la agrablaj vizitoj en Dubrovnik-Ragusa.

.·. S-ro *Luis,* Del. en Düsseldorf, kore dankas la Del. en Bruselo, S-ron Richardson, pro valora servo en grava familia afero. Konata familio serĉis parencinon kiu vivanta en Belgujo ne estis trovebla; eĉ la germana konsulo sen sukceso okupis sin pri tiu ĉi afero. S-ro Richardson per siaj rilatoj en la ministerio tuj solvis la aferon, kiu dum longaj jaroj okupis la familion.

.·. S-ro *A. Pagirev,* Esp-iano en Kamenj-Rybolov, kore dankas la Del. en Krakow pro plenumita servo.

# Esperantia Vivo

**Edziĝo.** — F-ino R. Gottlieb Hertz, Profesorino de Esperanto, kun S-ro P. Huline, Del. en Vienne.

**Morto.** — S-ro E. Irving, Vicdel. en Berkeley (Kalifornio, Usono) mortis la 22 decembro. S-ro Irving estis klera homo kiu verkis gravan libron: „Kiel konatiĝi kun la stelaj ĉieloj", kiun li estis tradukanta en Esperanton, kaj samtempe fervora Esperantisto. — L.H.G.

— La 8 decembro mortis S-ro Mojseo Ŝaĥnoveckij, Del. de U. E. A. en Ŝepetovka (Rus.) kaj pioniro de la Esperanta movado en tiu urbo. — L. K.

— La Coimbra Esp. Unuiĝo perdis unu el siaj plej fervoraj membroj kaj Esp-ianoj, S-ron Francisco Pedro de Jesus.

— La 13 januaro okazis meze de nekalkulebla ĉeestantaro, la enterigo de nia bedaŭregata samideano, leŭtenanto Valentin Mannevy, mortigita la 9 aprilo 1912 en la batalado de Maharidja (Maroko). La militistaraj kaj civilaj aŭtoritatoj ĉeestis la enterigon. Ĉe la foriro de la sekvantaro parolis S-ro Moreau urbestro de Fresnes; ĉe la tombejo S-ro Kolonelo de Fontclares, S-ro Pureur, urbestro de Condé, kaj nia Del. S-ro Renaud Richez kiu laste adiaŭis la mortinton je la nomo de la tutmonda esperantistaro. La grupo de Condé plennombre ĉeestis kun sia standardo, kaj krono kun verda surskriba banto.

Leŭtenanto V. Mannevy malfermis kurson de Esperanto ĉe la milita lernejo Saint-Maixent, kiam li tie studis, fondis la grupojn Condé kaj Joinville, aranĝis preskaŭ tutsole la 2an kongreson de la Norda Franca Federacio; li estis la sekretario kaj profesoro de la grupo de Condé, Del. de U. E. A., kunlaboris al multaj eksterlandaj esperantaj gazetoj, verkis multnombrajn propagandajn artikolojn en naciaj gazetoj sub pseŭdonimo Movo, tradukis verkojn el Brieux, Molière, Zevaco, Flammarion k. t. p. Li estis fervora esperantisto kaj agema propagandisto, kiu ne ŝparis tempon kaj fortojn por la esperanta movado. La grupo de Condé malfermis monoferadon por starigo de tomba monumento al nia samideano. Ĉiuj sumoj devas esti sendataj al S-ro E. Flament, sekretario. Estus dezirinde, ke la esperantistoj kiel eble plej internacie partoprenu al tiu rememorigo pri unu el niaj plej fervoraj kunbatalantoj. — R. R.

— Nia Del. en Lille, S-ro Tronquez, havis la doloron perdi sian patron, S-ron Victor Tronquez. Ni sendas al li niajn sincerajn kondolencojn.

# Alvokoj





8a GERMANA
ESPERANTO-KONGRESO
STUTTGART, de la 19a ĝis la 21a Aŭgusto 1913.

## Helpu la sukceson de Esperanto!

Karaj gesamideanoj! En la nuna jaro dum Aŭgusto okazos en Stuttgart la 8a Germana Esperanto Kongreso. La kongreslibro enhavos interalie opiniojn de eminentuloj ĉiufakaj (art-, industri-, komerc-, scienc-, verkistoj k. t. p.) pri mondlingvo ĝenerale kaj Esperanto speciale. La opinioj estos kiel eble presotaj en la lingvo uzita de la eminentulo kaj tradukotaj esperanten. Jen propono por petskribo:

Tre estimata sinjoro! Por internacie disvastigota libro oni kolektas la opiniojn de eminentuloj ĉiufakaj pri internacia helplingvo ĝenerale kaj pri Esperanto speciale. Ĉu mi rajtas peti de vi vian opinion (kia ajn ĝi estas) kaj la rajton presigi tiun vian opinion kaj ankaŭ kopion de via subskribo? Se vi scias skribi vian opinion en Esperanto, tiom pli bone... Altestime...

Al tiu peto oni almetu iun propagandilon por konigi nian aferon al ĝisnuna nekonanto de nia lingvo. Sendante la diritan dokumenton oni aldonu ion karakterizan pri la eminentulo (fako en kiu li eminentas k. s.).

Samideanoj! Tia enketo konigos en gravaj rondoj nian celadon, kaj la libro fariĝos tre efika propagandilo por ni. Mi dankas jam nun al ĉiu, kiu baldaŭ kunhelpos tielmaniere, same al tiu, kiu bonvolos atentigi min pri jam presitaj tiaj opinioj (en gazetoj k. t. p.) aŭ kopii tiajn dirojn aldonante la devenon (gazeto en kiu ĝi estas presita).

Oni adresu: Esperanto Kongreso Stuttgart (Germanujo).

## Kongresoj.

La Internacia Kongreso de la Unuiĝo de Kristanaj Junuloj (11/15 Junio) kaj la Kvina Filatela Kongreso de Granda Britujo (23/26 Aprilo) okazos en Edinburgo. Samideanoj, kiuj intencas veturi al Edinburgo por tiuj kongresoj, bonvolu sciigi tion al S-ro W. M. Page, 31, Queen Street, Edinburgh; aŭ al S-ro James Robbie, 42, Strathearn Road, Edinburgh. Oni tre volonte donos ĉian helpon aŭ personan aŭ propagandan.

## Naturscienċaj studentoj.

Studentoj, kiuj deziras fari natursciencajn studojn en la Alpoj, precipe pri geologio, botaniko (ankaŭ de kriptogamoj) kaj zoologio (precipe insektoj), povas trovi laborejon, kaj laŭvole fakan instruadon. Belega ĉirkaŭaĵo en fama kuracloko. Skribu por la kondiĉoj al D-ro W. Marchand, Luginsland, Davos-Dorf (Svisujo).

## Konsiloj por korespondo kun eksterlandanoj

*Lernantoj* bonvolu ne tro frue korespondi, sed unue sufiĉe ekzercadi Esperanton, por ke la adresatoj almenaŭ komprenu la sciigojn.

*Progresintoj* aliparte bonvolu ne rifuzi korespondon kun lernantoj, ankoraŭ ne sufiĉe lertaj, ĉar korespondo estas tre bona propagandilo kaj konservas intereson por Esperanto.

*Kolektantoj* bonvolu konsideri, ke tute ne ĉiuj geesperantistoj nur deziras interŝanĝi poŝtkartojn ilustritajn aŭ poŝtmarkojn, sed multaj eble preferas ricevi kaj doni sciigojn pri hejma vivado k. t. p., por reciproke informiĝi pri fremdaj landoj per Esperanta anstataŭ per vojaĝoj.

*Korespondante pri hejma vivado* oni do bonvolu antaŭ ĉio doni sciigojn per simplaj poŝtkartoj aŭ leteroj pri si mem, sia aĝo, sia familio, sia urbo aŭ vilaĝo, regiono aŭ lando, pri okupado, vivmaniero, nutrado, moroj, kutimoj, klimato, pri legomoj, fruktoj, floroj, pri festoj, vojaĝoj, vidindaĵoj, kostumoj, pri Esperanto-movado k. t. p. kaj eble nur okaze sendi ilustraĵojn, sed kun priskribo, por pli bone klarigi la sciigojn.

Cetere oni ankaŭ bonvolu ne tro severe prijuĝi la esprimojn de korespondantoj, ĉar kio ŝajnas ne konvena esprimo, tio eble estas nur erara.

Oni ĝenerale supozu, ke la skribinto ne intencas ofendi aŭ ĉagreni la adresaton, sed nur ankoraŭ ne sufiĉe estras Esperanton, por uzi la ĝustan vorton aŭ frazon.

Malpli multekosta kaj tamen pli interesa estas eble la korespondo, se oni reciproke ne tro ofte sed des pli detale skribas.

*Franz Salzbrenner.*

## Internacia Ekspozicio de aŭtomobiloj, bicikledoj kaj aeroplanoj en Lyon.

En Lyon oni organizas Internacian Ekspozicion de aŭtomobiloj, bicikledoj kaj aeroplanoj, kiu okazos de la 22-a de marto ĝis la 6-a de aprilo 1913, ĉe la centro de la urbo.

La „Automobile-Club du Rhône" (A. C. R. = Aŭtomobila Klubo Rodana) prenis la taskon de la organizo, sub la alta protekto de S-ro Senatano Herriot, urbestro de Lyon, kaj kun la helpo de diversaj sportaj, industriaj kaj komercaj asocioj de Lyon kaj de la regiono.

Laŭdegojn meritas la A. C. R. pro siaj ĝisnunaj manifestoj de ĝenerala intereso. Ĉiuj memoras la belan Semajnon de Aviado organizitan en 1910 de tiu societo. Certe ankaŭ sukcesos tiu Ekspozicio.

Jam multaj aliĝoj venis al la organizantoj, kaj oni devas plivastigi la kampon de la Ekspozicio. Lyon vidos grandan Ekspozicion.

La konstruistoj el ĉiuj landoj povos ĉi tie afable konkursi kun siaj Lyon'aj ĉiekonataj konkurencantoj. La publiko ankaŭ profitos tiun okazon por kompari kaj juĝi, ĉar nur la plej bonaj triumfos.

Ĉiuj informpetoj devas esti adresataj al la Sekretario de la Ekspozicio, ĉe la A. C. R., 8, rue Boissac, Lyon.

La A. C. R. estas varbota al Esperanto. Ni do petas ĉiun Delegiton, ke li bonvolu traduki tiun noton en sian nacian lingvon por ĝin aperigi en multaj gazetoj kaj sendi detranĉaĵojn de l'gazetoj aŭ al la Sekretario de la Ekspozicio aŭ al la Esperanto-Oficejo, 36 rue Victor Hugo, Lyon.

*L. Poncet* (Lyon).

## Pri kunedukado

Ĉiulandajn instruistojn, profesorojn, edukistojn kaj interesiĝantajn pri edukado personojn mi afable petas, ke ili bonvolu al mi sendi kiel eble plej baldaŭ respondojn al la jenaj demandoj: 1e Ĉu en via tuta lando oni kunedukas knabojn kaj knabinojn? aŭ nur en unu parto? Kiu? Ĉu en via regiono, en via urbo? 2e De kiam ekzistas tiu kunedukado? 3e Kiel ĝi estas organizita? 4e Ĉu la gepatroj konsentis kaj konsentas ĝin facile? 5e Kiaj estas la rezultatoj pri la vidpunktoj morala, intelekta, k. c.? 6e Kiaj estas la rilatoj inter knaboj kaj knabinoj en la korto kaj ekster la lernejo? Ĉu ili partoprenas kune iajn ludojn k. c.? Ĉu enklase ili estas intermiksitaj, alterne lokitaj aŭ laŭ du fakoj apartigitaj? 7e Kion opinias pri la kunedukado viaj ĉefaj pedagogoj, vi mem? ĉu ili, ĉu vi ĝin opinias supera rilate al la disedukado? kial? — Ĉion pluan, kion interesa vi juĝos, mi petas, ke vi aldonu al viaj respondoj.

Tiun materialon, kiun vi bonvolos disponigi al mi, mi uzos por verki artikolon, kies publikigon mi petos de la gazetoj *Esperanto* kaj „*Internacia Pedagogia Revuo*" kaj de faka instruista gazeto. Tiel mi esperas unufoje plie montri al miaj tutmondaj kaj francaj kolegoj la taŭgecon de nia lingvo.

Esperante baldaŭajn respondojn, mi kore antaŭdankas miajn afablajn respondontojn kaj certigas mian pretecon ilin miavice servi.

*A. Giroud*, 2, rue du Nil, Marseille.

---

# REKLAMO

## KORESPONDADO

L = *letero*. PK = *poŝtkarto*. Pl = *poŝtkartoj ilustritaj*. PM = *poŝtmarkoj*. bfl. = *bildflanko*.

AMIENS (Francujo). — S-ro Duchaussoy, 11, rue St-Martin, Pl. L.

AMIENS (Francujo). — S-ro Camille Deliencourt, 114, Quai de la Somme, PK. bfl.

ARBON (Svisujo, Thurgau). — S-ro Otto Glaser, Gerbergasse, Pl. bfl.

ARMAVIR, KUB. OBL. (Rusujo, Kaŭkazo). — S-ro Anatolo Dobatovkin, Atamanskajastr. 54, Pl. bfl. (esperante, france, germane; prefere tipoj en la nacia kostumo, eble koloraj kaj antikvaj preĝejoj aŭ ruinoj).

AUGSBURG (Germanujo, Bavarujo). — S-ro Fernando Kroher, Bahnhofstr. 20, ĉe Klunk & Gerber, PM. Pl. L (kun ĉiuj landoj).

AUERBACH i. V. (Germanujo). — S-ro Hugo Gerisch, Pl (kun ĉiuj landoj), L (raportoj pri Esperanto en la lernejoj).

AUTIN (Francujo). — S-ro C. Denizot, 21, rue de Paris, 17-jara, Pl. (kun gejunuloj).

BARCELONA (Hispanujo). — S-ro Johano Campdelacreu (Esp. Grupo la Rondo), str. Provenza 156, Pl.

BARCELONA-MANLLEU (Hispanujo). — S-ro Pohano Payas, str. Torello 17, Pl.

BRUSELO (Belgujo). — S-ro V. Lamberts, poste restante, PM. Pl. sendas Pl. kontraŭ poŝtmarkoj.

BUKAREŜTI (Bulgarujo). — S-ro Sol Zalmanovici, Sos. Vitan No. 11 (dez. vendi rumanajn uzitajn PM.)

BUKURAŜTI (Bulgarujo). — S-ro P. Costin, ĉe redakcio de „Epoca" (nur kun geinstruistoj, al aliaj ne respondas).

ĈERVENI KOSTELEC (Aŭstrujo, Bohemujo). — F-ino Olga Machkova, Soloska ul, L. Pl. (kun alilanduloj).

CONSTANTZA (Bulgarujo). — S-ro Stefano Jonescu, Bul. Principesa Maria 37, Pl.

CRONENBERG (Germanujo, Rejnlando). — S-ro Herm. Wolfertz instruisto, Pl. PM. Esp. ĵurnaloj (kun ĉiuj landoj).

DANZIG (Germanujo). — F-ino Betty Geihsler, Karrenwall 8, Pl.

DORPAT (Rusujo, Jurjev). — S-ro J. Muszynska, Botanischer Garten, PK. L.

DRESDEN (Germanujo). — S-ro Willy Bratfisch, privatoficisto, Radebeulerstr. 8/II, N 17, Pl. PM. L. bfl. (kun ĉiuj, sed precipe kun neeŭropanoj).

DUISBURG-RUHRORT (Germanujo). — S-ro W. Grzeŝkoviak, Kaiserstr. III, Pl.

DUESSELDORF (Germanujo). — S-ro Heinrich Schneider, Lindenstrasse 47/II (kun ekstereŭropanoj).

s'GRAVENHAGE (Nederlando). — S-ro M. A. Gerritse, 188 Westerbaenstraat, PM.

ISHPEMING (Usono, Michigan). — S-ro K. G. A. Lind, 719 Bankstreet. Pl.

KAMENJ-RYBOLOV (Rusujo). — S-ro Aleksandro Pagirev, vilaĝanestro, Pl. PM. bfl. (kun ĉiulandaj samideanoj escepte rusaj, aŭstriaj, hungaraj, francaj, germanaj kaj hispanaj).

KARLSTAD (Svedujo). — S-ro Erik Ros, Järnvägsgatan 7, Pl. PM. (ne kun francoj, angloj, germanoj, aŭstroj kaj rusoj).

MATADI (Congo, Afriko). — S-ro J. Sys, Cie. Belge Maritime du Congo (precipe kun vegetaranoj pri vegetarismo en la trupoj).

MONTBÉLIARD (Francujo). — S-ro A. Gurcel, 2 rue des Canons, Pl. PM. bfl.

MONTBÉLIARD (Francujo). — S-ro Charles Damade, rue Louis Pardonnet, Pl. PM.

MOSKVO (Rusujo). — S-ro Boris Zubov, Ĥapilovskaja 36, Pl.

MOSKVO (Rusujo). — S-ro D. Sisoev, B. Tatarskaja, Zavod Dobroviĥ i Nabgolc.

OTAVA SAHA (Finlando). — S-ro J. Pylkkanen, Pl. PK. L.

PHILADELPHIA, XXXIst (Usono). — S-ro C. C. Coigne, 2. 157 E. Cumberland st. (Pri germana filozofio; Kant'a transcendentismo).

PIHL No. 25 (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Ferd. Jochmann, Pl.

PLOEŜTI (Bulgarujo). — S-ro Teodoro Savulescu, Str. Ŝtefanita Voda No. 6, Pl.

PRAHA (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Rudolf Hromada, Letna 147, L. (kun lertaj Esp. pri gravaj okazaĵoj de la publika vivo (sociaj, kulturaj, studentaj), por publikigi la tradukojn en bohemaj gazetoj).

PRAHA-ZIZKOV (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro O. Steiner, III. G., Pl. PM.

ROCKFORD (Usono, Illinois). — S-ro Oscar Johnson, 1315-5th Ave. Pl.

ST-ETIENNE (Francujo, Loire). — S-ro Chapas Marins, suboficiro, 16 place Tardy, PK. Pl. bfl.

ST-ETIENNE (Francujo, Loire). — S-ro Gardon, suboficiro, 11-a kompanio ĉe la 38-a infanteria regimento, aktualaj PM. kontraŭ francaj.

ST. JZOĈA (Rusujo). — S-ro E. F. Spiridoviĉ, M.-V.-R. jd., Ĉuprovo.

THUN (Svisujo). — S-ro C. Hildebrandt, Schlossberg 67, PM. PK. (nur kun ekstereŭropanoj).

VALAŜ MEZIRIĈI (Aŭstrio, Moravio). — S-ro Jirko František, stud., Zadruka 374, Pl. PM.

WARNSDORF-I-B. (Aŭstrio). — S-ro Carl Fischer, Creditanstalt, Pl. PM. oficialaj PK. (respondas nur sur belaj kartoj).

---

## PETOJ KAJ PROPONOJ

CENT NOVAJ LERNANTOJ de la grupo Saint-Denis deziras korespondi kiun alilanduloj. — Sin turni al S-ro Bernard, 9, Place Victor Hugo, St-Denis (Seine, Francujo).

CITRONA SUKO EN BOTELOJ. — Fabrikejo deziras reprezentantojn en Svisujo, Belgujo kaj ĉiu lando kie limdepagoj estas malgravaj. — Firmo: P. Brachet, 55, rue Tronchet, Lyon, Francujo.

ESPERANTO EN SAKETO. — Gesamideanoj, *korespondu* inter vi per tiu utila kaj agrabla lernoludo. — Por ricevi saketon da 200 pecoj sendu 1. — Sm (2.50 fr.) al S-ro L. BOUZAC, Del., Avenue de Bayonne, *Biarritz* (Francujo). — NOVA KAJ INTERESA.

ESPERSTENO: Alfaro de la Pitman'a Sistemo de Stenografio al la postuloj de Esperanto. Prezo: Sm. 0.50 (aŭ 5 responkuponoj) afrankite. Havebla ĉe la aŭtoro, J. Catton, Oswald Road, Saint-Albans, Anglujo.

FILATELIISTOJ. — Sendu al S-ro T. Yamasaki, 96 Ikkumura, Kochi-Japanujo, 3, 6 aŭ 9 respondkuponojn kaj vi ricevos diversajn japanajn PM. kaj katalogon de PM.

GERMANA D-RO FIL, kun ŝtata ekzameno (germana, angla, historia) kaj provojaro, franca lingvo, filozofio, muzikema kaj literaturema, protestanto, 26-jara, serĉas je la 1a de Aprilo 1913 aŭ pli malfrue okupon kiel instruisto en instituto aŭ familio aŭ kiel sekretario en aristokrata familio en eksterlando. Oni sendu proponojn kun cito de l'salajro al Esperantista grupo Hanau a. M., Rhoenstr. 4.

GRAVAJ INFORMADOJ PRI BRAZILUJO. — Bonvolu vidi mian detalan anoncon en Jarlibro de U. E. A. 1913. — Delegito de U. E. A. Carlos Chr. Muller, Joinville (Santa Catharina), Brazilujo.

KORESPONDANTOJ el ĉiuj landoj estas serĉataj por la disvastigo de gazetartikoloj per Esperanto. Oni skribu al S-ro WALTER DÖHLER, stud. rer. nat., *Leipzig*, R. Oststrasse 22/III.

LIBREJO ESPERANTO en Montevideo deziras havi komercajn kaj pri Esperanto propagandajn interrilatojn kun similaj alilandaj firmoj, t. e. Esperantaj eldonejoj, librovendejoj, papervendejoj, k. t. p. Oni petas ankaŭ la alsendon de katalogoj, specimenoj, prezaroj, k. s. — Adreso: Libreria Esperanto (Munoz kaj K-o), strato 25 de Mayo 471. Montevideo (Urugvajo).

STUDENTOJ de naturscienco, kiuj deziras pasigi kelkajn monatojn en Davos, en belega ĉirkaŭaĵo, por studi iun branĉon de Alpa geologio, zoologio aŭ botaniko, povas trovi laborejon kaj laŭdezire instruadon kaj helpadon, pagante Sm 60 por la sezono (tri monatoj). Internacia Naturscienca Instituto, Davos-Dorf. Informoj de D-ro W. Marchand, Subdel. U. E. A. Luginsland, Davos-Dorf, Svisujo.

La grupo VERDA STELO, ELBERFELD, eldonis belegan kaj frapantan *afiŝon* (plakat) pri Esperanto, por fenestroj k. t. p., uzeblan por ĉiu lando.

Prezo: 10 ekz. 2 M. (1.000 Sm.), 100 ekz. 17,50 (8,750 Sm.), 1000 ekz. 150,00 M. (75.000 Sm.), ĉe afr. als., escepte per poŝta repago.

Skribu al kasisto Winkelmann, *Elberfeld* (Germanujo), Untergrünewalderstr. 12.

VOJAĜONTE venontan julion al *Vieno, Budapesto, Bosnio, Hercegovino, Dalmatio, Brione* k. t. p. mi serĉas 2 aŭ 3 kunvojaĝontojn. Oni skribu: F. ROCKMANN, Klewitzstrasse 12, *Magdeburg* (Germanujo).

WORMS (Germanujo). — Vizitantoj de pliperfektiga kurso (pleje instruistoj) deziras interŝanĝi kun negermanaj samideanoj kelkajn PI. Oni bonvolu sin turni al *Fr. Pfaff*, instruisto, Seb.-Münsterstrasse 12.